# LA DOGMARO PRI
# LA VIVO
## POR LA
# NOVA JERUSALEMO

*EL LA LATINA*

DE

EMANUEL SWEDENBORG

THE SWEDENBORG SOCIETY
1 BLOOMSBURY STREET, LONDON, ENGLAND

1908

*Noto de la Eldonistoj.*

La traduko de ĉi tiu verko estas sindone farita por la Swedenborga Societo, kaj la presprovoj estas ekzamenitaj de So. H. Bolingbroke Mudie, al kiu la Societo deziras voĉdoni siajn dankojn.

*Noto de la Tradukinto.*

La Tradukinto ĉi tie deziras kore danki Srojn. W. W. Mann, Joseph Ashby, kaj James Speirs pro ilia multvalora helpo rilate al la ekzameno de la presprovoj.

# TABELO DE LA ENHAVO.

*Noto.—Oni uzis la Anglan Aŭtorizitan Tradukon de la Biblio kiel bazon por la citaĵoj el la Vorto.*

# BIOGRAFIA ANTAŬPAROLO.

Emanuel Swedenborg, sciencisto, filozofo kaj teologiisto, naskiĝis ĉe Stockholm la 29an de Januaro, 1688. Li estis la filo de Jesper Swedberg, Lutera pastro, kiu je tiu dato estis kapelano ĉe la kortego de Karolo XII., sed kiu poste fariĝis Episkopo de Skara, kaj estis famekonata pro sia klereco kaj sentima reformeco.

Kiel infano, Swedenborg estis fama, pro siaj strangaj eldiroj; kaj se ni povas kredi la poeton, ke "La Ĉielo ĉirkaŭas nian infanecon," ni povas ankaŭ kredi liajn gepatrojn, kiuj diris pri li, ke ili ofte pensis, ke la anĝeloj parolis per li. Li edukiĝis hejme ĝis li ĉeestis la Universitaton de Upsala, kie li restadis ĝis sia dudekunua jaro.

Swedenborg tiam faris la "grandan vojaĝon," kiel estis kutime ĉe la altrangaj junuloj de tiu epoko, kaj vizitis Anglujon, Francujon, Holandujon, kaj Germanujon. Vojaĝante, lia granda avideco pri scio instigis lin ekkonatiĝi kun la ĉefaj sciencistoj tiutempaj, kaj la kapablo de pacienca klopodado, pro kio li estis fama dum la tuta vivo, havis oftajn okazojn por sin ekzercadi. Kaj ĉiaokaze li atentis ne nur je la teoria, sed ankaŭ je la praktika aplikado de la artoj kaj sciencoj; libertempon sian li okupis per Latina versfarado kaj la scienco de matematiko.

Ekzemple, li lernis fabriki kaj poluri lensojn, fari diversajn sciencajn ilojn, eĉ bindi librojn; kaj li sufiĉe komprenis la muzikon por konduki la Diservojn ĉe la orgeno. Li ankaŭ elpensis multajn

lertajn ilojn. Inter tiuj ĉi—ni priparolas tempon inter 1710 kaj 1715—estis speco de torpedŝipo, nova speco de sifonaj kanalkluzoj, fajromaŝino, malfermebla ponto, aerkondensiloj, universala muzikilo, akva horloĝo, aerĉaro, kaj nova aerpafilo.

Post forestado dum preskaŭ kvin jaroj, li revenis hejmen, plenigita je sciencaj proponoj kaj elpensaĵoj. Li fondigis la unuan Svedan sciencan ĵurnalon, titolitan *Dædalus Hyperboreus*, kiu enhavis dum sia mallonga ekzisto, multajn rimarkindajn ideojn.

Prezentita al la reĝo Karolo XII., li estis nomita Asesoro Eksterordinara ĉe la Reĝa Konsilantaro pri Minoj, kaj estis invitita kunlabori kun Polhem, la Arĥimedo de Svedujo. La inĝeniera lerteco de Swedenborg havis bonan okazon sin ekzerci iom poste, kiam, en la jaro 1718, li elpensis planon laŭ kiu slupo, du galeoj kaj kvin grandaj boatoj estis transportataj sur montetoj kaj valoj dudek du kilometrojn ĝis Frederikshald, Norvega fortikaĵo, kiun Karolo sieĝadis.

La Reĝino Ulrica Eleonora, kiu regis post Karolo sur la Sveda Trono, nobeligis la Svedbergan familion, kies nomo ŝanĝiĝis en Swedenborg; kaj Emanuel, kiel ĝia plej maljuna nepastra membro, rajtiĝis sidi en la Domo de la Nobeluloj, kiel ĝia reprezentanto. Li agemo kaj ja klere partoprenis en la plej granda nombro de publikaj demandoj, kiuj submetiĝis por konsiderado kaj solvo. Eĉ kvardek jarojn poste, Grafo Höpken diris ke, "La plej fidindaj kaj plej bone verkitaj raportoj ĉe la Registaro de 1761 pri financaj aferoj estis tiuj, antaŭmetitaj de Swedenborg. Tiu ĉi demando tiutempe, kiam Svedujo malriĉiĝis pro la bataladoj de Karolo XII., kune kun la plibonigo de la negocado kaj la rimedoj por minado kaj fandigo de la metaloj, pri kiuj Svedujo jam tiam estis kaj ankoraŭ estas fama, elokupis la plej grandan parton de lia atento.

Sed lia avideco pri sciado, liaj rimarkindaj kapabloj de observado, instigis lin verki pri vasta nombro de temoj. Inter ili la sekvantaj :—

Kiel trovi la longitudon per la luno.

Plibonigita speco de hejtilo (kiu denove estas enkondukita en Amerikon).

La unua Sveda traktaĵo pri Algebro.

La marnivelo kaj tajdoj ĉe la antikva mondo.

La movo kaj pozicio de la terglobo kaj planedoj nune kaj antaŭe, rilate je la suno.

Propono pri la divido de la mono kaj la mezuroj por plifaciligi la kalkuladon, kaj eviti partumojn.

Novaj planoj por konstruigi dokojn, digojn kaj kluzojn.

Ekprovo klarigi la fenomenojn de la ĥemio kaj fiziko per la geometrio.

Novaj eltrovoj pri la eco de fero kaj fajro.

Maniero por trovi la kapablojn de ujoj per mekanikaj principoj.

Li ankaŭ estis la unua, kiu verkis pri la kristalografio, kies bazajn principojn li starigis.

Oni rimarkos, ke la plej granda parto de tiuj temoj estas de speco praktika.

En 1721 li por la dua fojo forvojaĝis ; sed ne por ĝuado—escepte ke li ĝuis la preparadon de la dokumentoj, kiujn li hejmen sendis por ke ili estu eldonataj ĉe la *Acta Literaria Sveciæ*, kaj ankaŭ la verkadon pri geologiaj ŝanĝoj en Svedujo. Dum tiu ĉi vojaĝo al Leipzic li intime esploris la diversajn metodojn uzatajn ĉe la minejoj de la trapasataj regionoj.

Lia plena funkcio kiel Asesoro komencis en 1722, kaj dum dekdu jaroj poste li konstante atentis kaj klopodis pri la devoj de tiu ofico. Ke li amis la praktikan pli ol la teorian fakon estis pruvita en 1724, kiam li rifuzis la matematikan profesorecon ĉe la Universitato de Upsala. Li tamen ankoraŭ trovis tempon, por verki sian *Principia*, kaj la traktaĵojn

pri minado kaj fandigo, kiuj estis kun ĝi eldonitaj, titolitaj *Opera Philosophica et Mineralia;* kaj por faciligi tiun eldonigon, li forveturis Leipzigon en Majo, 1733. Vizitinte la minojn en Bohemujo, li plenigis tiun fakon de la manuskripto, kaj la verko estis lukse eldonata je la elspezo de la Duko de Braunschweig, kies amikeco kaj patronado estis ĝenerale proponataj al li kaj al lia granda literatura entrepreno. La graveco de tiu ĉi traktaĵo pri la minado estas konsentita en la nuntempo, kiam parto de ĝi estas eldonita en la Franca lingvo sole pro ĝia scienca valoro. Por la ĝenerala leganto, la intereso centriĝas ĉe la *Principia*, kie li antaŭmetas, inter aliaj aferoj, hipotezon nebularan per kiu, longe antaŭ Kant kaj Laplace, li elmontras kaj per ilustrado kaj per priskribo, la formaĵon de l' planedoj.

Ĉe Leipzic, Swedenborg ankaŭ eldonis verketon pri "La Senfina kaj Fina Kaŭzo de l' Kreiĝo," kiu ŝajne estis verkita post lia forveturo de Svedujo.

Li hejmen revenis Svedujon en 1734, sed du jarojn poste, fordonante la duonon de sia salajro kiel Asesoro al anstataŭulo, li veturis Danujon, Germanujon, Holandon, Francujon kaj Italujon, kaj ĉe tiu ĉi vojaĝo oni povas rimarki novan ŝanĝon pri liaj studoj. Nun li atentas pri regiono pli alta ol tiu de la fizika mondo, kaj konsideras la homan korpon, pri kies anatomio kaj fiziologio li sin kutimigis, esperante eĉ atingi la animon, kiu ĝin enestas, kaj kies potenco faras la korpon tia, kia ĝi estas.

En 1740 li eldonis en Amsterdamo sian *Ekonomio de la Animala Regno*, kaj tri jarojn poste li revenis por mastrumi la presigon de du partoj de la *Animala Regno*, aŭ pli korekte, la *Regno de l' Animo.* En ĉi tiuj verkoj li pritraktis la uzojn naturajn kaj spiritajn, kiujn la diversaj organoj de la homo estis intencataj subservi. Li ne finis la pritrakton de multaj el tiuj *ĉi punktoj;* kaj ceterajn de la plej granda valoro, li

ne eldonis—notinde estis tiu pri la *Cerbo*, el kiuj du volumoj nur antaŭ ne longe aperis en la Angla lingvo por la unua fojo. Tamen pri tiu ĉi lasta Dr. Neuburger de Vieno, alparolante Germanajn fizikistojn kaj naturalistojn en 1901, diris, ke la konkludoj de Swedenborg ĉe la fako de cerba fiziologio estas multe pli antaŭemaj ol sia epoko, kaj antaŭproponis multajn modernajn eltrovojn. Daŭrigante, li diris: "Swedenborg saltis tutan jarcenton antaŭ sia epoko per la anonco de alia eltrovo, ĉar li estis la unua, kiu montris, ke la kortika ŝtofo de la cerbo estas la ekskluziva sidejo de la pli alta fizika agemo, la atakejo por la animo." Iom post tiu ĉi parolado, la Sveda Reĝa Akademio pri Sciencoj nomis komitaton, por ekzameni la Swedenborgajn manuskriptojn, kies ili estis la gardistoj, kaj la rimarkindeco de la aro de sciencaj kaj filozofiaj verkoj tie trovitaj instigis la komitaton konsideri ilian eldonigon. Ĝis nun du volumoj aperis, kun antaŭparoloj Angla-lingvaj de scientistoj mondfamaj. La unua estas *Geologica*, kun antaŭparolo de Profesoro A. H. Nathorst, kaj la dua *Cosmologica*, kun antaŭparolo de Profesoro Arhennius.

Kial, estas nature demandi, Swedenborg ne elfinis verkojn tiel gravajn?

Kial li ne daŭradis labori ĉe kampo, kie li estis tiel eminente kompetenta riĉe rikolti?

Simpla estas la respondo:—

Ĉe tiu ĉi punkto, li estis vokita, tiel li kredis, por labori ĉe alia kaj pli alta kampo. Kaj li ja vere estis bone provizita por tiu misio, kiun li certigis estis konfidita je li, unika kiel ĝi tamen estis. Konstanta kredanto je Dio ĉe jarcento kiam malkredo estis kaj ĝenerala kaj laŭmoda, kaj maljuna laboranto ĉe la diversaj regnoj de la naturo—eĉ kunmetinte ĉiun tiam eltrovitan scion—li estis tute kompetenta, laboradi laŭ la sama precizeco kaj klereco sur la kampo spirita, kaj pri la animo de la homo; pri la

kaŭzoj sub la naturo kaj la korespondaĵoj sub la Sankta Skribo.

La lasta folozofia verko, kiun li verkis kaj eldonis antaŭ ol okazis tiu plena ŝanĝo pri la maniero de lia vivo, estis titolita *La Adoro kaj Amo al Dio.* Ĝi aperis en 1745, kaj enhavis, per rakonto pri la kreo de la unua paro, liajn ideojn pri la deveno de l' homaro.

La malfermiĝo de lia spirita vidkapablo okazis en Londono en 1743, kiam li sciigas nin, ke la Sinjoro aperis ĉe li, kaj komisiis lin klarigi la veran dogmaron de la Kristana Fido, kiu estis plene perdita; la specon de la vivo en la ĉieloj, inferoj kaj en tiu interna stato, en kiun la homo unue konscie eniras post la morto, sed en kiu nekonscie lia animo nun enestas; kaj por klarigi la rilatojn aŭ korespondon inter la spirito kaj la naturo, per kiu la Sankta Vorto skribita estas, kaj kiuj provizas la ŝlosilon per kiu ni povas, preĝplene studante la Vorton, fariĝi saĝaj ĝis saviĝo.

Tiu ĉi pretendo estas ja eksterordinara, kaj postulas, kaj estas inda ricevi, la plej serĉeman esploradon antaŭ akceptiĝo. Ĝi pretendas esti en konsento kun la Sankta Skribo, Prudento, kaj la Naturo mem de la homo. La sistemo religia kaj filozofia, kiun li proponas certe estas perfekta unuo. La rilato de ĉiuj aferoj kun Dio estas bele elmontrata antaŭ la mensa kompreno, kaj la karaktero de Dio estas Senfina Amo, Saĝo kaj Potenco, kaj la eco de la rilatoj, kiujn la homo havas kun Li estas plene pritraktitaj.

Ĉiuj, kiuj interesiĝas pri spiritaj demandoj—ĉiuj devus tiel interesiĝi—devas legi lian *Ĉielo kaj Infero,* kaj lian *Dia Amo kaj Saĝo,* aŭ almenaŭ kelkajn el la elmontroj pri lia instruo, kiuj estas preparitaj de pli postaj verkintoj. La spirita penetremo kiu estas ĉie trovebla ĉe Swedenborg pravigas la rimarkon de

Emerson, ke "Swedenborg, el ĉiuj en modernaj epokoj, antaŭstaras kiel tradukinto de la naturo en la penson."

Je la tempo de sia alvoko, li estis atinginta sian kvindekkvinan jaron; tamen, sin dediĉante al la laboro antaŭmetita antaŭ li, li ekstudis la Hebrean lingvon, kiel necesan antaŭaĵon, kaj li senlaciĝe studadis kaj komparis la Sanktan Skribon.

Lia unua kaj plej vasta verko, kiu ja estas trezorejo de ĉiela saĝo, estis la *Arcana Cœlestia*, spiritsenca klarigo de Geneso kaj Eksodo, eldonita inter 1747 kaj 1756 en ok grandaj kvartaj volumoj. Li kunportis la manuskripton de la unua volumo Londonon, sed restis tie nur sufiĉe da tempo, por aranĝi pri ĝia eldonigo. Li mem pagis la koston de tiu ĉi vasta entrepreno, libere disdonacis ekzemplerojn, kaj ordonis al la eldonistoj uzi la monon, ricevitan pro ĝia disvendo, donace al la Societo por Propagandi la Evangelion, tiel elmontrante senpartiecon kaj celunuecon. La verko estis anonime eldonita, kaj li ne estis konata, krom de malmultaj, kiel ĝia aŭtoro.

Tamen, estante tiel okupata, li daŭradis partopreni, laŭ rimarkinda maniero, en la agadoj de la Nobelularo, kiel antaŭe; kaj ne estis publike anoncite, ke li havis rilatojn kun la spirita mondo ĝis dekses jaroj post ilia komenciĝo.

Kvin verkoj eldonitaj du jarojn post la plenumiĝo de la *Arcana* estis kvazaŭe elĉerpitaj el tiu verkego; ekz.: *Ĉielo kaj Infero*—la plej populara el ĉiuj liaj verkoj, pri kiu Elizabeth Barrett Browning skribis: "Laŭ mia opinio, la sola lumo, kiu estas ĵetita sur la alia vivo, estas trovata en la filozofio de Swedenborg—*La Lasta Juĝo*, *La Blanka Ĉevalo*, *La Mondoj de la Universo*, kaj la *Nova Jerusalemo kaj ĝia ĉiela Dogmaro*."

Tiuj ĉi estis sekvataj, post interspaco unu aŭ dujara, de lia *Anĝela Saĝo pri la Dia Amo kaj Saĝo*, kiu montras, ke ĉiuj kreitaĵoj, kvankam el Dio, ne

estas Dio, sed nur finaj ricevantoj de vivo el Dio, *la kvar Ĉefaj Dogmaroj de la Nova Eklezio* pri la Sinjoro; la Sanktaj Skriboj; la Vivo; tio estas la verko, kies tiu ĉi estas la antaŭparolo; kaj la Fido; *La Dia Antaŭzorgo,* kiu elmontras la manieron de la mastreco de Dio, spite la agad-libereco de la homo; la *Apokalipso Malkaŝata,* kiu, tiel kiel la *Arcana Coelestia,* estas spirita prezentiĝo de ĝia temo; la verko pri *Edzeca Amo kaj ĝia Malo,* la sola verko kiu elmontras la rilaton interseksan kiel spiritan kaj ne nur naturan unuiĝon; *Mallonga Klarigo pri la Dogmaroj de la Nova Eklezio,* kontrasto inter Protestantaj, Romkatolikaj kaj la novaj dogmaroj, kiujn li ekproponis; *La Interrilatoj inter la Animo kaj la Korpo;* kaj fine, en 1771, kiam li havis okdek tri jarojn, *La Vera Kristana Religio,* aŭ la plena teologio de la Nova Eklezio, kiu prezentas tre detale ĉiujn dogmojn de lia sistemo, kaj iliaj interrilateco.

La vivado de Swedenborg post lia alvoko estis strange senekscitiĝa, kaj, krom liaj eksterlandaj vojaĝoj por eldoni siajn diversajn verkojn, jen en Amsterdamo, jen en Londono, estas nur malmulte por priskribi.

Ĉe aŭtoro, la vortoj estas la faroj, kaj la libroj estas la agoj.

Sed dum tiu ĉi tempo tiuj, kiuj pleje konatiĝis kun li absolute fidis je lia boneco kaj sincereco. En sia hejmo li ĉiam konservis plej bonegajn interrilatojn kun ĉiuj ĉefaj personoj — la episkopoj, senatanoj kaj la reĝa familio—kaj ŝajne trovis—kiel ja ofte okazas—pli da kontraŭeco ĉe siaj proksimaj parencoj ol ĉe aliuloj. Tiu ĉi estis precipe vera pri nevo, Episkopo Filenius. Sian celon, kiam li je la aĝo de okdek du jaroj forlasis sian patrujon, Swedenborg klarigis per letero al la Universitatoj de Svedujo. Ĝi estis por verki kaj eldoni la tutan teologion de la Nova Eklezio.

Post ĝia eldoniĝo en Amsterdamo en 1771, li velvojaĝis en Aŭgusto de la sama jaro al Londono, kie li mortis je Marto 29 de la sekvanta jaro, okdekkvarjara.

Iom antaŭ la morto, li skribis al Johano Wesley, dirante, ke li eksciis en la spirita mondo, ke li havas fortan deziron lin renkonti. Malferminte tiun ĉi leteron antaŭ amikoj Wesley certigis ĝian verecon; kaj esprimis sian fortan miregon. Sed, pro tio, ke li estis forvojaĝonta por misia vojaĝo, li respondis, ke li ne povos lin viziti antaŭ la reveno, ses monatojn pli poste. Swedenborg respondis, ke tiam estos tro malfrua, ĉar li estos jam fine enirinta la spiritan mondon la 29an tagon de la sekvonta monato, kaj neniam plu revenos. Diversajn aliajn cirkonstancojn oni rakontas, kiuj atestas la verecon de lia komunikado kun la nevidata mondo, kaj kiuj devus almenaŭ varbi la atenton, kaj konduki al la serioza konsiderado de liaj eksterordinaraj pretendoj.

Lia sanstato estis rimarkinde bona, kiam oni konsideras liajn sidemajn morojn. Li estis tamen tre simpla laŭ vivmaniero, sin nutrinte preskaŭ eksklusive vegetarane, kaj nur malofte trinkante vinon.

Li ĉiam estis alirebla kaj afabla, sed lia elparolmaniero estis malrapida kaj pripensema. Li malmulte vizitis en societo, kaj ĉiam ĝuis pri intelekta parolado kaj muziko. Kvankam li neniam edziĝis, li ĝuis la societon de sinjorinoj, kaj kutime portis bonbonojn por la infanoj.

Iom antaŭ la morto, kiu li denove certigis al siaj ĉirkaŭuloj, okazos je Marto 29, oni demandis, ĉu li deziras preni la Sakramenton de la Sankta Vespermanĝo.

Li respondis ke, vivinte kiel li vivis ĉe la societo de la Anĝeloj, li ne bezonis ĝin, sed por montri la intiman interrilatiĝon inter la Eklezio sur la tero kaj la Eklezio en la Ĉieloj, li volonte tion faros. Laŭe li ĝin ricevis de la manoj de la Sveda Lutera pastro.

Swedenborg ne klopodis pri propagando ia, krom tio efektivigita per la eldono kaj disvastigo de liaj verkoj. Estis dekkvin jaroj post lia morto kiam kelkaj el la akceptintoj de liaj dogmaroj kunsociiĝis kaj kreis apartan eklezian organizaĵon.

Lia memoro kaj influo postvivas lin. Li estas nun pli konata, kaj liaj ideoj estas pli disvastigataj kaj akceptataj ol iam antaŭe. Ili vivas kaj donis vivon al multaj elparoloj de eminentaj posteuloj. Emerson, Coleridge, la Browning'-oj, Goethe, Kant, Balzac, Whittier, Patmore, kune kun aro de religiuloj ĉiueklezîaj, estis pli malpli influitaj de li.

Kaj nun, post kiam cent tridek ses jaroj forpasiĝis, Svedujo, la patrujo, hejmen reportigis la cindrojn de Swedenborg, rekonante lin kiel—ne ankoraŭ sia plej eminenta sed—unu el ŝiaj plej eminentaj filoj, por fari honoron al lia memoro, donante al tiuj cindroj lastan ripozejon ĉe la Katedralo de Upsala, la Panteono de Svedujo.

JAMES SPEIRS.

# LA DOGMARO PRI LA VIVO POR LA NOVA JERUSALEMO.

## KE LA TUTA RELIGIO RILATAS AL LA VIVO, KAJ KE LA VIVO DE LA RELIGIO ESTAS BONFARADO.

1. Ĉiu homo, kiu havas religion, scias kaj konfesas, ke tiu, kiu prave vivas, estos savata, kaj ke tiu, kiu malprave vivas, estos kondamnata; ĉar li scias kaj konsentas, ke tiu, kiu vivas prave, prave pensas ne nur pri Dio sed ankaŭ pri la najbaro; sed ne tiu, kiu malprave vivas. La vivo de homo estas lia amo, kaj tio, kion homo amas, li ne nur plezure faras, sed ankaŭ plezure pripensas. Kial dirite estas, ke la vivo (de la religio) estas bonfarado, estas ĉar bonfarado unuiĝas kun bonpensado; kaj se ili ne unuiĝas en homo, ili ne apartenas al vivo lia. Sed tiuj ĉi aferoj estas klarigotaj sur la sekvantaj paĝoj.

2. Ke la religio rilatas al la vivo, kaj ke la vivo (de la religio) estas bonfarado, ĉiu, kiu legas la Vorton, konstatas kaj, kiam li legas, konsentas. En la Vorto, troviĝas la sekvantaj versaĵoj:—

> Kiu ajn malobeos la malplej gravan el tiuj admonoj, kaj tiel instruos al la homoj, estos nomata malplej grava en la regno de la ĉieloj; sed tiu, kiu faras kaj instruas, la sama estos nomata grava en la regno de la ĉieloj. Mi diras al vi, ke se via praveco ne estos pli granda ol tiu de la Skribistoj kaj Fariseoj, vi ne eniros en la regnon de la ĉieloj.—(Mateo v. 19, 20).
>
> Ĉiun arbon, kiu ne portas bonan frukton, oni dehakas kaj ĵetas en la fajron; tial laŭ iliaj fruktoj vi ilin konos.—(Mateo vii. 19–20).

Ne ĉiu, kiu diras al Mi "Sinjoro, Sinjoro," eniros en la regnon de la ĉieloj, sed tiu, kiu plenumas la volon de Mia Patro, kiu estas en la ĉieloj.—(Mateo vii. 21).

En tiu tago multaj al Mi diros "Sinjoro, Sinjoro, ĉu ni ne profetadis en Via Nomo? . . . kaj en Via Nomo multajn faris potencaĵojn?" Sed tiam Mi al ili konfesos "Mi vin ne konas; iru for de Mi, vi farantoj de malbono."—(Mateo vii. 22, 23).

Ĉiun, kiu Miajn vortojn aŭdas kaj faras, Mi komparos kun prudentulo, kiu konstruis domon sian sur roko; sed ĉiun, kiu aŭdas Miajn vortojn kaj ilin ne faras, oni komparos kun malsaĝulo, kiu konstruis sian domon sur sablo.—(Mateo vii. 24–26).

Jesuo diris: "La semisto eliris por semi; kelkaj semoj sur la malmolan vojon falis, kelkaj sur ŝtonplenajn lokojn, kelkaj inter dornojn, kaj kelkaj sur la bonan teron. Tiu, kiu estis semita sur la bona tero, estas tiu, kiu aŭdas la Vorton kaj atentas ĝin; kiu de tio fruktoportas kaj produktas, kelkaj centoble, kelkaj sesdekoble, kelkaj tridekoble." Kiam Jesuo estis tion dirinta, li laŭte kriis, dirante: "Tiu, kiu orelojn havas por aŭdi, li aŭdu."—Mateo xiii. 3–9, 23).

La Filo de l' Homo venos en la gloro de Sia Patro, kaj tiam Li aljuĝos al ĉiu laŭ liaj faroj.—(Mateo xvi. 27).

La Regno de Dio estos de vi forprenata, kaj donata al gento produktanta ĝiajn fruktojn.—(Mateo xxi. 43).

Kiam la Filo de l' Homo venos en gloro Sia, tiam Li sidos sur la trono de Sia gloro; kaj li diros al la ŝafoj sur la dekstra flanko: Venu, vi benataj kaj posedu kiel heredaĵon la regnon por vi preparita jam de la fondo de l' mondo: ĉar Mi malsatis, kaj vi donis al Mi por manĝi; Mi soifis kaj vi donis al Mi por trinki; Mi estis pilgrimanto, kaj vi akceptis Min; Mi estis nuda, kaj vi vestis Min; Mi estis malsana, kaj vi Min vizitis; en malliberejo Mi estis, kaj vi venis al Mi. Tiam respondos la justuloj: Kiam ni tia vidis Vin? sed la Reĝo, respondante, diros: Vere Mi diras al vi, ke pro tio, ke vi ĝin faris al unu el la malplej gravaj el Miaj fratoj, vi faris ĝin al Mi. Kaj similaĵojn la Reĝo diros al la kaproj sur la maldekstra flanko; kaj pro tio ke ili ne faris tiajn agojn, Li diros: Foriru de Mi, vi malbenataj, en fajron ĉiaman, preparitan por la diablo kaj malanĝeloj liaj.—(Mateo xxv. 31–46).

Produktu fruktojn indajn je pentofaro; kaj jam nun la hakilo estas metita ĉe la radiko de la arboj; ĉiu arbo

do, kiu bonan frukton ne produktas, estas dehakata, kaj ĵetata en la fajron.—(Luko iii. 8-9).

Jesuo diris: "Kial vi Min nomas Sinjoro, Sinjoro, kaj ne faras tion, kion Mi admonas? Ĉiu, kiu venas al Mi, kaj aŭdas Miajn dirojn kaj faras ilin, similas homon kiu konstruis domon, kaj metis la fundamenton sur roko; sed tiu, kiu aŭdas kaj ne faras, similas homon, kiu konstruis domon sur la tero, sen fundamento."—(Luko vi. 46-49).

Jesuo diris: "Mia patrino kaj Miaj gefratoj estas tiuj, kiuj aŭdas la Vorton de Dio kaj ĝin plenumas."—(Luko viii. 21).

Tiam vi ekstaros ĉiuj, kaj ekfrapos sur la pordon, dirante: Sinjoro! malfermu al ni; sed Li, respondante, diros al vi: Mi ne scias, el kie vi venis: foriru de Mi, vi farantoj de malbono.—(Luko xiii. 25, 27).

Tiu ĉi estas la juĝo: ke la lumo venis en la mondon, sed la homoj mallumon pli ol lumon amis, ĉar iliaj faroj estis malbonaj; ĉiu, kiu faras malbonaĵojn, malamas la lumon, pro timo, ke oni al li riproĉu liajn farojn. Sed tiu, kiu faras la veron, venas en la lumon, por ke liaj agoj estu elmontrataj ĉar ili estas farataj en Dio.—(Johano iii. 19-21).

Kaj tiuj, kiuj faris bonaĵojn, elvenos al la releviĝo (de la vivo; kaj tiuj, kiuj malbonaĵojn faris, al la releviĝo) de la juĝo.—(Johano v. 29).

Ni scias, ke Dio ne aŭdas la pekantojn; sed se iu adoras Dion, kaj plenumas Lian volon, tiun Li aŭdas.—(Johano ix. 31).

Se vi konas ĉi tiujn aferojn, benataj vi estas, se vi faras ilin.—(Johano xiii. 17).

Tiu, kiu havas Miajn ordonojn kaj plenumas ilin, tiu estas, kiu amas Min; kaj Mi amos lin kaj montros Min al li; kaj Mi venos al li, kaj apud li Mi faros Mian restejon. Tiu, kiu Min ne amas, ne obeas al Miaj vortoj.—(Johano xiv. 21, 23, 24).

Jesuo diris: "Mi estas la (vera) vinberujo, kaj Mia Patro ĝia kulturisto; ĉiun Mian branĉon, kiu ne fruktoportas, Li forprenas, sed ĉiun fruktoportantan branĉon, Li pritranĉos, por ke ĝi pli multajn fruktojn portu.—(Johano xv. 1-2).

En ĉi tio estas Mia Patro glorata, ke vi portu multajn fruktojn, kaj fariĝu Miaj disciploj.—(Johano xv. 8).

Vi estas Miaj amikoj, se vi faras kion ajn Mi ordonas. . . . Mi elektis vin . . . por ke vi fruktoportu, kaj por ke via frukto daŭru.—(Johano xv. 14, 16).

La Sinjoro diris al Johano: "Al la anĝelo de la Efeza Eklezio skribu: Mi konas viajn farojn; Mi havas kontraŭ vi, ke vi forlasis vian unuan bonfaremon: pentu, kaj faru la unuajn agojn, ĉar Mi alie formovos el ĝia loko vian kandelingon."—(Apok. ii. 1, 2, 4, 5).
Al la anĝelo de la Smyrna Eklezio skribu: Mi konas viajn farojn.—(Apok. ii. 8, 9).
Al la anĝelo de la Eklezio en Pergamoso skribu: Mi konas viajn farojn: pentu.—(Apok. ii. 12, 13, 16).
Al la anĝelo en la Eklezio en Thyatiro skribu: Mi konas viajn farojn kaj bonfaremon; kaj ke viaj postaj faroj estas pli ol la unuaj.—(Apok. ii. 18–19).
Al la anĝelo de la Eklezio en Sardiso skribu: Mi konas viajn farojn, ke vi havas nomon, ke vi vivas, sed vi mortis. Mi ne trovis viajn farojn perfektaj antaŭ Dio: pentu.—(Apok. iii. 1–3).
Al la anĝelo de la Filadelfia Eklezio skribu: Mi konas viajn farojn.—(Apok. iii. 7, 8).
Al la anĝelo de la Eklezio de la Laodikanoj skribu: Mi konas viajn farojn: pentu.—(Apok. iii. 14, 15, 19).
Mi aŭdis el ĉielo voĉon, kiu diris: Benataj estas la mortintoj kiuj de nun mortas en la Sinjoro; . . . diras la Spirito, por ke ili ripozu post siaj laboroj; iliaj faroj sekvas kun ili.—(Apok. xiv. 13).
Estis malfermita libro, kiu estas de l' vivo; kaj la mortintoj estis juĝataj, laŭ tio, kio estas skribita sur la libro, ĉiuj laŭ siaj faroj.—(Apok. xx. 12).
Jen, Mi rapide venas kaj Mia rekompenco estas kun Mi, por doni al ĉiu, laŭ lia faro.—(Apok. xxii. 12).

Simile, en la Malnova Testamento:

Rekompencu ilin laŭ iliaj faroj, kaj laŭ la agado de iliaj manoj.—(Jer. xxv. 14).
Jehovo, kies okuloj estas malfermataj super ĉiuj la vojoj de la homoj, por doni al ĉiu laŭ lia maniero kaj laŭ la frukto de liaj faroj.—(Jer. xxxii. 19).
Mi vizitos lin laŭ liaj vojoj kaj rekompencos al li liajn farojn.—(Hozeo iv. 9).
Jehovo agas kun ni laŭ niaj vojoj, laŭ niaj faroj.—(Zech. i. 6).

Kaj en multaj lokoj, ke la homoj devas sekvi la statutojn, ordonojn, kaj leĝojn; tiel, kiel:

Vi obeu Miajn statutojn kaj Miajn juĝojn, per kiuj, se homo ilin obeos, li vivos.—(Levit. xviii. 5).

Vi observu ĉiujn Miajn ordonojn kaj Miajn juĝojn, por ilin fari.—(Levit. xix. 37 ; xx. 8 ; xxii. 31).
Benoj estas eldirataj. se ili obeas al la ordonoj, kaj malbenoj se ili malobeas.—(Levit. xxvi. 4–46).
Al la Izraelidoj estis ordonate, fari por si franĝon sur la borduroj de siaj vestoj, por ke ili memoru ĉiujn admonojn de Jehovo, por plenumi ilin.—(Num. xv. 38, 39).

Kaj en mil diversaj lokoj.

Ke estas la faroj, kiuj igas la homon ekleziano, kaj ke li estas savata per ili, la Sinjoro ankaŭ instruas per la alegorioj, kies plejmulto enhavas, ke tiuj, kiuj bonojn faras estas akceptataj, kaj ke tiuj, kiuj malbonojn faras estas forĵetataj ; kiel en la vortbildo de la kulturistoj en la vinberejo.—(Mateo xxi. 33–44).

Pri la figarbo kiu ne produktis frukton.—(Luko xiii. 6–9).

Pri la talentoj kaj minaoj, per kiuj oni devis komerci.—(Mateo xxv. 14–31 ; Luko xix. 13–25).

Pri la Samaritano, kiu flegis la vundojn de tiu, kiun rabistoj vundis.—(Luko x. 30–37).

Pri la riĉulo kaj Lazaro.—(Luko xvi. 19–31).

Pri la dek virgulinoj.—(Mateo xxv. 1–12).

3. Ke ĉiu, kiu havas religion, scias kaj konfesas, ke tiu, kiu bone vivas estos savata, kaj ke tiu, kiu malbone vivas, estos kondamnata, devenas de la unuiĝo de l' ĉielo kun tiu homo, kiu el la Vorto scias, ke ekzistas Dio, ke estas ĉielo kaj infero, kaj ke estas vivo post la morto ; el tio estas ĉi tiu komuna scio. Tial, en la Ataneza Kredo pri la Triaĵo, kiu estas universale akceptata en la Kristana mondo, tio ĉi, kio estas ĉe ĝia fino dirata, estas universale akceptata, nome: "Jesuo Kristo, kiu suferis pro nia savo, supreniris en la ĉielon, kaj sidas je la dekstra mano de l' Patro Ĉiopova, de kie li venos por juĝi la vivantojn kaj la mortintojn ; kaj tiam tiuj, kiuj bonon faris, eniros en la vivon eternan, kaj tiuj, kiuj malbonon faris, en la fajron eternan.

4. Tamen ekzistas multaj en la Kristanaj Eklezioj, kiuj instruas, ke la fido sola savas, kaj ne iu bonaĵo de la vivo aŭ bona ago; ili ankaŭ aldonas, ke malboneco de la vivo aŭ malbona ago ne kondamnas tiujn, kiuj estas pravigitaj de la fido sola, ĉar ili estas en Dio kaj Graco. Sed estas rimarkinde, ke kvankam ili instruas tiajn dogmojn, ili tamen konfesas pro komuna sento ricevita el ĉielo, ke tiuj, kiuj bone vivas, estas savataj, kaj ke tiuj, kiuj malbone vivas, estas kondamnataj. Ke ili tamen ĉi tion konsentas, estas klare, el la Admono, kiu estas legata en la Preĝejoj antaŭ la personoj, kiuj venas ĉe la Sankta Vespermanĝo, kaj en Anglujo, kaj en Germanujo, Svedujo, kaj Danujo. Estas sciate, ke en tiuj regnoj ekzistas tiuj, kiuj instruas fidon solan. La Admono, kiun oni legas en Anglujo antaŭ la personoj, kiuj venas al la sakramento de l' Sankta Vespermanĝo estas la jena:—

5. Kiel kaj per kio esti ricevata kiel indaj partoprenantoj ĉe tiu Sankta Tablo estas, unue, ekzameni viajn vivojn kaj paroladojn per la regulo de la Diaj Ordonoj kaj, en kio ajn vi ekscios, ke vi estas ofendinta aŭ vole, vorte aŭ age, tie lamenti vian pekemon, kaj vin konfesi al Dio Ĉiopova, kun plena intenco plibonigi vian vivmanieron; kaj se vi ekscios, ke viaj ofendoj estas tiaj, kiaj ne nur kontraŭ Dio estas, sed ankaŭ kontraŭ viaj najbaroj, tiam vi devas reamikiĝi kun ili, estante preta, fari plenan redonon kaj kontentigon laŭ via plena povo, pri ĉiuj malbonoj kaj malpravaj agoj de vi faritaj kontraŭ iu ajn alia, kaj estante tiel simile preta pardoni al aliaj, kiuj ofendintaj estas kontraŭ vi, kiel vi volus ricevi pardonon pri viaj ofendoj de la mano de Dio; ĉar alie la akcepto de la Sankta Vespermanĝo nenion faros, krom pligrandigi vian kondamniĝon. Do, se iu el vi estas blasfemanto de Dio, malhelpanto aŭ malverdiranto pri Lia Vorto, adultulo, aŭ estas en malamo

aŭ envio, aŭ en iu alia grava krimo, vi pentu pro pekoj viaj, alie ne venu ĉe tiu sankta Tablo; por ke, post la preno de tiu sankta sakramento la diablo ne eniru en vin, tiel kiel li eniris en Judason, kaj vin plenigu de ĉiuj malpiaĵoj, kaj vin konduku al la pereo kaj de la korpo, kaj de la animo.

6.*

7. Estis donite al mi, demandi kelkajn el la Angla Pastraro, kiuj konfesis kaj predikis fidon solan (kio okazis en la spirita mondo), ĉu, kiam ili legis tiun ĉi admononen kiu la fido ne estas nomata—en siaj preĝejoj ili kredis, ke tiel estas; nome, se iuj malbonfaras, kaj ne pentas, la diablo en ilin eniros, kiel li eniris en Judason, kaj kondukos ilin al la pereo kaj de la korpo kaj de la animo?

Ili respondis, ke en la stato, en kiu ili estis, kiam ili legis la admonon, ili nenion sciis kaj pensis krom tio, ke ĝi estas la religio mem; sed kiam ili verkis kaj perfektigis siajn predikojn aŭ paroladojn, ili tion ne pensis, ĉar ili pensis pri la fido, kiel la unu sola rimedo por saviĝo; kaj pri la bono de la vivo, kiel morala aldono al ĝi, por la publika bono. Sed ankoraŭ oni povis ilin komprenigi, ke ili ankaŭ havis komunan senton, ke tiu, kiu bone vivas estas savata, kaj ke tiu, kiu malbone vivas, estas kondamnata; kaj ke ili tiun komprenon havis, kiam ili ne estis en sia proprio.†

8. Ke la tuta religio rilatas al la vivo, estas, ĉar post la morto, ĉiu estas sia propra vivo; ĉar ĉies vivo restas tia sama kia ĝi estis en la mondo, kaj ne estas ŝanĝata; ĉar malbona vivo ne povas esti ŝanĝata en bonan vivon, nek bona vivo en malbonan vivon, ĉar ili estas maloj, kaj la ŝanĝo en malon estas nuligo: tial, ĉar ili estas maloj, bona vivo estas nomata vivo,

* Traduko Angla de paragrafo 5[a].

† Proprio signifas tion, kio estas la memeco de l' homo.

kaj malbona vivo estas nomata morto. Pro tio sekvas, ke la religio rilatas al la vivo, kaj ke la vivo (de religio) estas la bonfarado. Ke la homo post morto estas tia, kia estis lia vivo en la mondo, oni povas vidi en la verko pri Ĉielo kaj Infero (n^oj. 470–484).

## KE NENIU POVAS FARI BONON, KIU ESTAS BONO, EL SI MEM.

9. La kialo, ke ĝis nun preskaŭ neniu scias, ĉu la bono, kiun li faras, estas el li aŭ el Dio, estas, ĉar la Eklezio disigis la fidon de la bonfaremo, kaj bono rilatas al bonfaremo. Homo donas al la malriĉuloj, helpas la bezonulojn, monoferas por temploj kaj hospitaloj, pliigas la bonstaton de la Eklezio, de sia patrujo kaj kunregnanoj, diligente ĉeestas Diservojn publikajn, pie tiam aŭskultas kaj preĝas, legas la Vorton kaj piajn librojn, kaj pripensas saviĝon, kaj ne scias el kiu li tion ĉi faras, ĉu el si mem, ĉu el Dio. La samajn aferojn li povas fari el Dio kaj el si mem. Se li ilin faras el Dio, ili estas bonaj, se el si mem, ili estas malbonaj. Vere similaj bonaj agoj estas el li mem faritaj, kiuj evidente estas malbonaj, kiaj estas hiprokitaj bonfaroj, kiuj estas trompigaj kaj malhonestaj.

10. Bonajn agojn el Dio kaj el si mem faritaj oni povas kompari kun oro. Oro kiu estas oro el la plej interna parto, kaj estas pura oro, estas bona oro; oro kun arĝento kunmiksita estas ankaŭ oro, sed bona laŭ la kunmikso; kaj malpli bona estas oro kun kupro kunmiksita. Sed oro artefarita, kaj nur similanta oron laŭ koloro, ne estas bona; ĉar ĝi la orŝtofon ne enhavas. Estas ankaŭ la orumado; kiel orumita arĝento, kupro, fero, ŝtano, plumbo, ankaŭ orumita ligno kaj orumita ŝtono kiuj ankaŭ povas, laŭ eksteraĵo, ŝajni oro; sed ĉar ili ne estas oro, ili estas taksataj ĉu laŭ la arto ĉu laŭ la prezo de la orumita

ŝtofo, aŭ laŭ la prezo de la oro, kiun oni povas forskrapi. Tiuj ĉi diferencas pri boneco de la oro mem, kiel la vesto diferencas de la homo. Estas eble eĉ por kaduka ligno, kaj senvaloraĵo, sterko ja, esti kovrita per oro. Tiun ĉi oron oni povas kompari kun farisea bono.

11. De scienco la homo scias, ĉu oro estas bona ŝtofe, ĉu ĝi estas kunmiksita aŭ falsa, aŭ ĉu ĝi estas surmetita; sed de scienco li ne scias, ĉu la bono, kiun li faras, estas en si mem bona. Nur ĉi tion li scias: ke la bono el Dio estas bona, kaj ke la bono el homo ne estas bona. Tial, ĉar rilatas al lia savo scii, ĉu la bono kiun li faras estas el Dio, aŭ ĉu ĝi ne estas el Dio, tio do devas esti malkaŝata. Sed antaŭ ol tio estas malkaŝata, io estas dirinda pri la specoj de bono.

12. Ekzistas civila bono, morala bono, kaj bono spirita. La civila bono estas tiu, kiun homo faras konforme kun la civila leĝo: per tiu ĉi bono, kaj laŭ ĝi, homo estas ano de la natura mondo. La morala bono estas tiu, kiun homo faras konforme kun la leĝo de la prudento; per ĉi tiu bono, kaj laŭ ĝi, li estas homo. La bono spirita estas tiu, kiun homo faras konforme kun la spirita leĝo: per ĉi tiu bono, kaj laŭ ĝi, homo estas ano de la spirita mondo. Tiuj ĉi bonoj sekvas en tiu ĉi ordo; la spirita estas la plej alta, la morala estas la meza, kaj la civila la lasta.

13. La homo, kiu spiritan bonon havas, estas morala homo, kaj ankaŭ civila homo; dum la homo, kiu spiritan bonon ne havas, ŝajnas morala kaj civila homo, sed tamen tia ne estas. La homo, kiu havas spiritan bonon estas tial morala kaj civila homo, ĉar spirita bono en si mem havas la esencon de bono kaj de tiu ĉi, de la morala kaj civila. La esenco de la bono ne povas deveni krom de Tiu, Kiu estas la Bono mem. Donu al la penso ĝian plej vastan kapablon, klopodigu ĝin kiel eble pleje, kaj postulu, el kie la

bono estas bona, kaj oni vidos, ke ĝi tia estas el ĝia fonto, kaj ke tio estas bono, kio enhavas en si la fonton de la bono, sekve, ke tio estas bono, kio venas de la Bono mem, tio estas, de Dio ; sekve, ke bono ne el Dio, sed el homo, ne estas bona.

14. De tio, kio estas dirita en *La Dogmaro pri la Sanktaj Skriboj* (n^oj. 27, 28, and 38) oni povas vidi, ke la plej alta, la meza, kaj la lasta faras unuon, tiel kiel faras la celo, la kaŭzo, kaj la rezulto ; kaj ke, ĉar ili faras unuon, la celo mem estas nomata la unua celo, la kaŭzo la meza celo, kaj la rezulto la lasta celo. Tial estos klare, ke, ĉe la homo, kiu havas spiritan bonon, morala bono estas ĉe li la meza spirita bono, kaj civila bono ĉe li la lasta spirita bono. Tial do estas, ke oni diris, ke la homo, kiu havas spiritan bonon, estas morala homo, kaj civila homo ; kaj ke la homo, kiu spiritan bonon ne havas, estas nek morala nek civila homo, sed nur ŝajnas esti tia. Li tia ŝajnas al si mem, kaj ankaŭ al aliaj.

15. Homo, kiu ne estas spirita, tamen povas pensi, kaj de tio paroli, racie kiel spirita homo, tial ke la kompreno de homo estas kapabla esti levigata en la ĉielan lumon—kiu estas la vero—kaj per tiu lumo vidi ; sed la volo de homo ne povas esti simile levigata en la ĉielan varmon, kiu estas amo, kaj agi per tiu varmo. Tial estas, ke la vero kaj la amo ne faras en homo unuon, se li ne estas spirita. Tial ankaŭ estas, ke homo povas paroli ; ĉi tio ankaŭ faras distingon inter la homo kaj la besto. Estas pro ĉi tiu kapablo de l' kompreno esti levigata en la ĉielon, dum la volo ne ankoraŭ estas levigata, ke la homo povas esti reformata kaj fariĝi spirita ; sed li unue estas reformata, kaj fariĝas spirita, tiam, kiam ankaŭ la volo estas levigita. Estas ankaŭ pro ĉi tiu kapablo de la kompreno super la kapablo de la volo, ke la homo, kia ajn li estu—eĉ malbona—povas pensi, kaj de tio paroli, racie, kiel spirita homo. Sed tamen li

ne estas racia, tial ke la kompreno ne kondukas la volon, sed la volo kondukas la komprenon; la kompreno nur instruas kaj elmontras la vojon, kiel estas dirite en *La Dogmaro pri la Sanktaj Skriboj* (n°· 115). Kaj tiel longe, kiel la volo ne estas kune kun la kompreno en la ĉielo, la homo ne estas spirita, kaj tial ne racia. Ĉar kiam li estas lasata al sia propra volo, aŭ amo, li forĵetas la raciaĵojn de sia kompreno pri Dio, ĉielo, kaj eterna vivo, kaj anstataŭe alprenas tiajn aferojn, kiaj akordas kun la amo de lia volo, kaj ĉi tiujn li nomas raciaj. Sed tiuj ĉi temoj oni denove konsideros en la verkoj pri "Anĝela Saĝo."

16. Sur la sekvantaj paĝoj, tiuj, kiuj bonfaras el si mem estos nomataj homoj naturaj, ĉar ĉe ili tio, kio estas morala kaj civila estas natura laŭ esenco; kaj tiuj, kiuj bonfaras el la Sinjoro, estos nomataj spiritaj homoj, ĉar ĉe ili tio, kio estas morala kaj civila estas spirita laŭ esenco.

17. Ke neniu povas fari bonon, kiu estas bono, el si mem, la Sinjoro instruas ĉe *Johano:*

> Homo povas nenion preni, se ĝi ne am estas donita al li el la ĉielo. — (iii. 27).

Kaj ĉe la sama:

> Kiu restas en Mi, kaj Mi en li, tiu sama portas multan frukton; ĉar sen Mi vi povas nenion fari.—(xv. 5).

"Kiu restas en Mi, kaj Mi en li, tiu sama portas multan frukton" signifas, ke ĉiu bono estas el la Sinjoro; frukto signifas bono; "sen Mi vi povas nenion fari" signifas, ke neniu povas fari bonon el si mem. Tiuj, kiuj kredas je la Sinjoro, kaj bonfaras el li, estas nomataj "Filoj de la Lumo" (Johano xii. 36, Luko xvi. 8); "Filoj de la Edziĝo" (Marko ii. 19); "Filoj de la Reviviĝo" (Luko xx. 36); "Filoj de Dio" (Luko xx. 36, Johano i. 12); "Naskitaj el Dio" (Johano i. 13); kaj estas dirite, ke "Ili vidos Dion" (Mateo v. 8); "Ke la Sinjoro konstruos sian

loĝejon ĉe ili" (Johano xiv. 23); "ke ili havas la fidon al Dio" (Marko xi. 22); "ke iliaj faroj estas faritaj el Dio" (Johano iii. 21). Ĉi tiuj estas ĉiuj enhavataj en la vortoj:

> Kiom da personoj ricevis Jesuon, al tiom Li donis povon fariĝi la filoj de Dio, al tiuj, kiuj kredas je Lia nomo; kiuj estas naskitaj nek de sango, nek de karna deziro, nek de la volo de homoj, sed de Dio.—(Johano i. 12, 13).

"Kredante je la nomo de la Filo de Dio," signifas kredante je la Vorto, kaj vivante laŭ ĝi; "la karna deziro" estas la proprio de la homa volo, kiu en si mem estas malbona; kaj "la volo de l' homo" estas la proprio de lia kompreno, kiu en si mem estas falsaĵo el malbono. Tiuj, kiuj estas "naskitaj de ĉi tiuj" estas tiaj, kiaj volas kaj agas, pensas kaj parolas, el la proprio; tiuj, kiuj estas "naskitaj el Dio" estas tiuj, kiuj faras ĉi tiujn aferojn el la Sinjoro. Mallonge, tio ne estas bono, kio estas el la homo, sed tio estas bono, kio estas el la Sinjoro.

## KE KIOM HOMO EVITAS MALBONOJN KIEL PEKOJN, TIOM LI BONFARAS NE EL SI MEM, SED EL LA SINJORO.

18. Kiu ne scias, aŭ ne povas scii, ke malbonoj malpermesas al la Sinjoro eniri en homon? Ĉar malbono estas infero, kaj la Sinjoro estas ĉielo, kaj la infero kaj ĉielo estas maloj. Kiom do homo estas en la unu, tiom li ne povas esti en la alia; ĉar unu kontraŭagas kaj pereigas la alian.

19. Estante en la mondo, la homo estas meze inter la ĉielo kaj la infero; sube estas la infero kaj supre estas la ĉielo: kaj tiam li estas tenata en libereco sin turni ĉu al infero, ĉu al ĉielo; se li sin turnas al infero, li deturnas sin de ĉielo; sed se li sin turnas al ĉielo, li deturnas sin de infero. Aŭ, kio estas sama, estante en la mondo, li staras meze inter la Sinjoro

kaj la diablo, kaj estas tenata en libereco sin turni ĉu al la unu ĉu al la alia; se li sin turnas al la diablo, li sin deturnas de la Sinjoro; sed se li sin turnas al la Sinjoro, li deturnas sin de la diablo. Aŭ, kio estas sama, estante en la mondo, li estas meze inter la bono kaj la malbono, kaj estas tenata en libereco sin turni ĉu al la unu, ĉu al la alia; se li sin turnas al la malbono, li deturnas sin de la bono; sed se li sin turnas al la bono, li deturnas sin de la malbono.

20. Estas dirite, ke la homo estas tenata en libereco sin turni al unu aŭ alia flanko. Ĉiu homo havas tiun liberecon ne el si mem, sed el la Sinjoro; tial estas dirite, ke li estas tenata en ĝi. (Pri la ekvilibro inter ĉielo kaj infero, kaj ke la homo estas en ĝi, kaj tial en libereco, vidu la verkon pri *Ĉielo kaj Infero* (n$^{oj.}$ 589–596 kaj 597-603). Ĝialoke oni vidos, ke ĉiu ajn estas tenata en libereco, kaj ke ĝi estas forprenata de neniu.

21. De tiuj ĉi estas klare videble, ke kiom homo evitas malbonojn, tiom li estas kun la Sinjoro kaj en la Sinjoro; kaj kiom li estas en la Sinjoro, tiom li bonfaras ne el si mem, sed el la Sinjoro. De tio rezultas tiu ĉi ĝenerala leĝo: *ke kiom oni evitas malbonojn, tiom oni faras bonojn.*

22. Du aferoj, tamen, estas necesaj: unu estas, ke homo evitu malbonojn ĉar ili estas pekoj, tio estas, ĉar ili estas inferaj kaj diablaj, kaj sekve kontraŭ la Sinjoro kaj kontraŭ la Diaj leĝoj; kaj la alia estas, ke homo evitu malbonojn kiel pekojn kvazaŭ el si mem, sed tamen sciu kaj kredu, ke li tion faras el la Sinjoro. Sed tiuj du necesaĵoj estos pritraktataj en la sekvantaj artikoloj:—

23. De tio, kio estas dirita, tiuj ĉi tri rezultoj sekvas:

(i.). *Ke se homo volas kaj faras bonojn antaŭ ol li evitas malbonojn kiel pekojn, la bonoj, kiujn li volas kaj faras, ne estas bonaj.*

(ii.). *Ke se homo pensas piajn pensojn, kaj parolas piajn vortojn, kaj ne evitas malbonojn kiel pekojn, la piaj aferoj, kiujn li pensas kaj faras, ne estas piaj.*

(iii.). *Ke se homo scias kaj pri multo estas saĝa, kaj ne evitas malbonojn kiel pekojn, li tamen saĝa ne estas.*

24. (i.). Ke se homo volas kaj faras bonojn antaŭ ol li evitas malbonojn kiel pekojn, la bonoj kiujn li volas kaj faras, ne estas bonaj. Tio ĉi okazas, ĉar li antaŭe ne estas en la Sinjoro, kiel estas dirite ĉi-supre. Ekzemple: se li donas al la malriĉuloj, helpas la bezonulojn, monoferas por temploj kaj hospitaloj, bonfaras al la Eklezio, al sia patrujo, kaj kunregnanoj, instruas pri la Evangelio kaj konvertas animojn, juste juĝas, agas sincere en komerco, kaj rekte en siaj faroj kaj tamen konsideras kiel nenion malbonojn, kiuj estas pekoj kiaj la malbonoj de trompo, adulto, malamo, blasfemo, kaj tiaj plu—en tiu ĉi okazo li bonojn fari ne povas, krom tiuj, kiuj estas interne malbonaj; ĉar li faras ilin kvazaŭ el si mem, kaj ne el la Sinjoro. Tial li mem en ili estas, kaj ne la Sinjoro; kaj la bonoj, en kiuj la homo mem estas, ĉiuj estas malpurigataj per liaj malbonoj, kaj rilatas lin mem kaj la mondon. Tamen tiuj samaj faroj, cititaj ĉi-supre, estas interne bonaj, se homo evitas malbonojn kiel pekojn, kiaj ekzemple la malbonoj de trompo, adulto, malamo, blasfemo, kaj similaj; ĉar li tion faras el la Sinjoro, kaj oni diras, ke ili estas "faritaj en Dio" (*Johano* iii. 19–21).

25. (ii.). Ke se homo pensas piajn pensojn, kaj parolas piajn vortojn, kaj ne evitas malbonojn kiel pekojn, la piaj aferoj, kiujn li pensas kaj parolas, ne estas piaj. Tio ĉi estas, ĉar li ne estas en la Sinjoro. Ekzemple: se li ĉeestas preĝejojn, pie aŭskultas la predikadon, legas la Vorton kaj librojn piajn, partoprenas la Sanktan Vespermanĝon, faras ĉiutagajn preĝojn; ja eĉ se li multe pripensas Dion kaj saviĝon, kaj tamen konsideras kiel nenion malbonojn, kiuj

estas pekoj tiaj, kiaj la malbonoj de trompo, adulto, malamo, blasfemo, kaj similaj, tiam la piaj aferoj, kiujn li pensas kaj parolas, ne povas esti aliaj, ol kiuj interne ne estas piaj; ĉar la homo mem kun siaj malbonoj estas en ili. Tion ĉi li ja ne tiam scias, sed tamen ili enestas kaj kuŝas kaŝataj antaŭ li; ĉar li estas kvazaŭ fontano, kies akvo estas malpura jam de sia fonto. Liaj ekzercoj de pieco estas aŭ nur formaj, pro kutimo, aŭ ili estas laŭdcelantaj aŭ hipokritaj. Ili ja supreniras ĉielen, sed ili returnas sur sia vojo, kaj falas malsupren, kiel fumo en la aero.

26. Estas donite al mi vidi kaj aŭskulti multajn, kiuj post la morto citis siajn bonfarojn kaj piajn ekzercojn—supre cititajn, kaj cetere multajn. Inter ili mi vidis kelkajn, kiuj havas lampojn sen oleo; kaj oni demandis, ĉu ili estas evitintaj malbonojn kiel pekojn, kaj estis trovate, ke ili tion ne estis farintaj; pro tio estis anoncite al ili, ke ili estas malbonaj. Oni poste vidis ilin eniri kavernojn, kie estis similaj malbonuloj.

27. (iii.). Ke se homo scias kaj pri multo estas saĝa kaj ne evitas malbonojn kiel pekojn, li tamen saĝa ne estas. Tio ĉi estas pro kaŭzo simila al tiu, antaŭe citita; ke li estas saĝa el si mem, kaj ne el la Sinjoro. Ekzemple: se li scias la dogmaron de sia Eklezio, kaj ĉiujn detalojn ĝiajn ĝuste; se li scias kiamaniere pravigi tiujn detalojn per la Vorto, kaj per rezonadoj; se li scias ĉiujn dogmarojn de ĉiuj Eklezioj en ĉiuj epokoj, kaj samtempe la ordonojn de ĉiuj Konsilantaroj; ne, se li ja scias verojn, kaj ankaŭ vidas kaj komprenas ilin; se, ekzemple, li scias, kio estas fido, kio estas bonfaremo, pieco, pento, kaj kio estas la remeto de pekoj, regeneracio, baptiĝo kaj la Sankta Vespermanĝo, la Sinjoro kaj liberigo kaj saviĝo, li tamen ne estas saĝa, se li ne evitas malbonojn kiel pekojn. Ĉar liaj scioj estas senvivaj, tial ke ili estas nur el lia kompreno kaj ne samtempe el

lia volo; kaj ĉar ili estas tiaj, ili siatempe pereas, pro la kaŭzo donita ĉi-supre (nº 15). Plue, mortinte, la homo mem forĵetas ilin, ĉar ili ne akordas kun la amo de lia volo. Sed tamen scioj estas en la plej alta grado necesaj, ĉar ili instruas al homo, kiel li devas agi; kaj kiam li faras ilin, tiam kun li ili vivas, ne pli frue.

28. Ĉio, kio estas ĝis nun dirita, estas instruata en la Vorto en multaj lokoj; inter kiuj ni citos nur la sekvantajn. La Vorto instruas, ke neniu povas esti en bono kaj samtempe en malbono; aŭ, kio estas sama, ke neniu rilate al sia animo povas esti en ĉielo kaj samtempe en infero. Ĝi instruas tion ĉi en la sekvantaj versaĵoj:—

Neniu povas servi du mastrojn; ĉar aŭ li malamos unu kaj amos la alian, aŭ li estimos unu, kaj malestimos la alian. Vi ne povas servi Dion kaj Mamonon.—(Mateo vi. 24).

Kiamaniere povas vi, estante malbonaj, paroli bonaĵojn? El la pleneco de la koro parolas la buŝo. Bona homo el la bona trezoro de sia koro produktas bonaĵojn, kaj malbona homo el la malbona trezoro de sia koro produktas malbonaĵojn.—(Mateo xii. 34, 35).

Bona arbo ne produktas malbonan frukton, nek malbona arbo produktas bonan frukton. Ĉiun arbon oni konas per ĝia frukto; ĉar de dornoj la homoj ne rikoltas figojn, nek de dornarbeto kolektas ili vinberojn.—(Luko vi. 43, 44).

29. La Vorto instruas, ke neniu povas bonon fari el si mem, sed el la Sinjoro. Jesuo diris:

Mi estas la vinberujo, kaj Mia Patro estas la kulturisto ĝia; ĉiun branĉon Mian, kiu ne produktas frukton, Li forprenas; kaj ĉiun branĉon, kiu frukton produktas, Li ĝin pritranĉos, por ke ĝi portu pli da frukto. Restu en Mi, kaj Mi en vi. Tiel kiel la branĉo ne povas el si mem produkti frukton, escepte ke ĝi restas en la vinberujo, tiel nek povas vi, escepte ke vi restas en Mi. Mi estas la vinberujo, vi la branĉoj estas; tiu, kiu restas en Mi, kaj Mi en li, tiu sama multan frukton produktas; ĉar sen Mi vi ne povas ion fari. Escepte ke homo restas en

Mi, li estas forĵetata kiel branĉo, kaj velkigata, kaj homoj ĝin kolektas kaj ĵetas ĝin en la fajron, kaj ĝi estas elbruligata.—(Johano xv. 1, 2, 4–6).

30. La Vorto instruas, ke ĝis kiam homo ne estas purigata rilate malbonojn, liaj bonoj ne estas bonaj, nek liaj piaĵoj estas piaj, nek li estas saĝa; kaj kontraŭe; en la sekvantaj citaĵoj:—

Ve al vi, Skribistoj kaj Fariseoj, hipokrituloj! ĉar vi vin similigas je blankigitaj tombejoj, kiuj ja ekstere ŝajnas belaj, sed interne estas plenaj je la ostoj de mortintoj, kaj je ĉia malpureco; tiel ankaŭ vi ekstere ŝajnas pravuloj, sed interne vi estas plenaj je hipokriteco kaj krimo.—(Mateo xxiii. 27, 28). Ve al vi, ĉar vi purigas la eksteraĵon de l' pokalo kaj telero, sed interne ili estas plenaj je rabado kaj malsobreco. Vi blindaj Fariseoj! purigu unue la internon de la pokalo kaj telero, por ke la ekstera parto ankaŭ puriĝu.—(xxiii. 25, 26).

Kaj ankaŭ per tiuj vortoj de Jesajo:

Aŭdu la vorton de Jehovo, vi princoj de Sodomo; aŭdu la leĝon de nia Dio, vi loĝantoj en Gomorrah! Kio estas al mi la multeco de viaj oferoj? Ne aldone al tio alportu al Mi vantan oferon: incenso estas por mi abomenaĵo, novlune kaj sabate; Mi ne povas toleri la krimon. Viajn novlunojn kaj viajn difinitajn festojn malamegas Mia animo. Tial, kiam vi etendas manojn viajn, Mi kaŝas de vi Miajn okulojn; eĉ kiam vi multobligas vian preĝadon, Mi ne aŭdas: viaj manoj estas plenaj je sango. Lavu vin, purigu vin; formetu la malbonegecon de viaj faroj for de Miaj okuloj; ĉesu malbonfaradon. Se viaj pekoj estas kiel skarlato, ili fariĝos blankaj, kiel neĝo; se ili estos ruĝaj, ili estos kiel lano.—(i. 10, 11, 13–18).

Tiu ĉi, mallonge, signifas, ke se homo ne evitas malbonojn, neniuj el liaj agoj de Diservo, kaj simile neniuj el liaj faroj, estas bonaj; ĉar estas dirite: "Mi ne povas toleri la krimon; purigu vin, formetu la malbonegecon de viaj faroj. Ĉesu malbonfaradon." Ĉe Jeremajo:

Returnu vin ĉiu de sia vojo malbona, kaj bonigu viajn farojn.—(xxxv. 15).

Ke tiuj samaj ne estas saĝaj, estas instruite ĉe Jesajo:

> Ve al tiuj, kiuj laŭ sia propra opinio estas saĝaj, kaj inteligentaj antaŭ siaj propraj vizaĝoj.—(v. 21).

Ĉe la sama:

> La saĝo de l' saĝuloj, kaj la kompreno de la inteligentuloj pereos. Ve al tiuj, kiuj estas profunde saĝaj, kaj kiuj faras siajn farojn en mallumo.—(xxix. 14, 15).

Kaj aliloke en la sama:

> Ve al tiuj, kiuj malsupreniras por helpo Egiptujon kaj fidas je ĉevaloj; kaj fidas je ĉaroj, ĉar ili estas multaj, kaj je kavaliroj, ĉar ili estas fortaj; sed ne rigardas al la Sanktulo de Izraelo, kaj ne serĉas Jehovon! Sed Li ekleviĝos kontraŭ la domon de la malbonfarantoj kaj kontraŭ la helpon de tiuj, kiuj faras krimon. Ĉar Egiptujo estas (homo kaj) ne Dio; kaj ĝiaj ĉevaloj estas karnaj kaj ne spiritaj.—(xxxi. 1–3).

Tiel estas priskribata mem-inteligenteco: "Egiptujo reprezentas sciencon; la ĉevalo reprezentas komprenon per ĝi; la ĉaro reprezentas dogmon el ĝi, kaj la kavaliro, inteligentecon el ĝi; pri kio estas dirite, "Ve al tiuj, kiuj ne rigardas la Sanktulon de Izraelo, kaj ne serĉas Jehovon." Ilia pereigo per malbonoj estas signifata de: "Egiptujo estas homo kaj ne Dio," kaj "ĝiaj ĉevaloj estas karnaj kaj ne spiritaj." Homo kaj karno reprezentas la proprion de la homo; Dio kaj spirito reprezentas vivon el la Sinjoro; la ĉevaloj de Egiptujo reprezentas mem-inteligentecon. Estas multaj tiaj versaĵoj en la Vorto pri inteligenteco el la homo mem kaj el la Sinjoro, kiuj estas kompreneblaj nur laŭ la spirita senco.

Ke neniu estos savata pro la bonoj, kiujn li faras el si mem, tial, ke ili ne estas bonaj, estas klare, per la sekvantaj citaĵoj:—

> Ne ĉiu, kiu diras al Mi Sinjoro, Sinjoro, eniros en la regnon de la ĉieloj, sed tiu kiu plenumas la volon de Patro Mia. Multaj diros al Mi en tiu tago, Sinjoro, Sinjoro, ĉu ni ne profetadis per Via nomo, kaj per Via nomo elpelis demonojn, kaj en Via nomo faris multajn

potencajn farojn? Sed tiam Mi konfesos al ili, Mi ne konas vin; foriru for de Mi, vi, kiuj malbonon faras.—(Mateo vii. 21–23).

Kaj aliloke:

Tiam vi ekstaros ekstere, kaj ekfrapos sur la pordon, dirante: Sinjoro, malfermu al ni. Kaj vi ekdiros: Ni manĝis antaŭ Vi kaj trinkis, kaj Vi instruis sur niaj stratoj. Sed Li diros: Mi diras al vi, Mi ne scias, el kie vi estas; foriru for de Mi, vi ĉiuj malbonfarantoj. —(Luko xiii. 25–27).

Ĉar tiaj homoj similas la Fariseon, kiu

Staris en la templo kaj preĝis, dirante, ke li ne estas, kiel aliaj homoj, subpremegisto, maljustulo, adultulo; ke li semajne fastas dufoje, kaj dekonojn donas de ĉio, kion li posedas."—(Luko xviii. 11–14).

Estas ankaŭ ĉi tiuj, kiuj estas nomitaj "senprofitaj servantoj."—(Luko xvii. 11–14).

31. Estas vero, ke neniu homo povas fari bonon, kiu estas bona, el si mem. Sed troaĵo estas, detrui per ĉi tiu vero ĉiun bonon de bonfaremo, kiun homo faras kiu evitas malbonojn kiel pekojn; ĉar tio estas rekte kontraŭa al la Vorto, kiu ordonas, ke homo devas fari bonon. Estas ankaŭ kontraŭ la admonoj pri amo al Dio kaj amo al la najbaro, de kiuj ordonoj la Leĝo kaj la Profetoj pendas; kaj ĝi subminas kaj renversas la tuton de la religio, ĉar ĉiu scias, ke religio estas la bonfarado, kaj ke ĉiu estos juĝata laŭ siaj faroj. Ĉiu homo estas tia, ke li povas eviti malbonojn, kvazaŭ el si mem per la potenco de la Sinjoro, se li tion petegas; kaj kion li poste faras, tio estas bono el la Sinjoro.

## KE, KIOM IU EVITAS MALBONOJN KIEL PEKOJN, TIOM LI AMAS VEROJN.

32. Estas du universaloj kiuj devenas de la Sinjoro, Dia Bono kaj Dia Vero; Dia Bono estas el Lia Dia Amo, kaj Dia Vero estas el Lia Dia Saĝo. Tiuj

ĉi du estas en la Sinjoro unu, kaj tial elvenas el Li kiel unu; sed ili ne kiel unu estas ricevata de la anĝeloj en la ĉieloj, nek de la homoj sur la tero. Ekzistas anĝeloj kaj homoj, kiuj ricevas pli da Dia Vero, ol da Dia Bono; kaj ekzistas tiuj, kiuj ricevas pli da Dia Bono ol da Dia Vero. Tial estas, ke la ĉieloj estas distingitaj en du regnojn, el kiuj unu estas nomata la celesta, kaj la alia la spirita, regno; la ĉieloj, kiuj ricevas pli da Dia Bono estas la celesta regno, kaj tiuj, kiuj ricevas pli da Dia Vero, estas la spirita regno. Pri tiuj ĉi du regnoj, en kiujn la ĉieloj estas distingitaj, vidu la verkon pri *Ĉielo kaj Infero* (n^oj^. 20–28). Sed tamen la anĝeloj de ĉiuj la ĉieloj estas tiom en saĝo kaj inteligenteco, kiom en ili la bono faras unuon kun la vero. La bono, kiu ne unuon faras kun la vero, estas, por ili, ne bona; kontraŭe ankaŭ la vero, kiu ne unuon faras kun la bono, estas, por ili, ne vero. Pro tio estas klare, ke bono, unuigita kun vero, faras la amon kaj saĝon ĉe la anĝelo kaj ĉe la homo; kaj tial ke anĝelo estas anĝelo pro la amo kaj saĝo ĉe li, kaj simile homo homo estas, estas klare, ke bono, unuigita kun vero, faras anĝelon anĝelo de la ĉielo, kaj homon homo de l' Eklezio.

33. Tial ke bono kaj vero estas unuo ĉe la Sinjoro, kaj devenas el Li kiel unuo, sekvas, ke bono amas la veron, kaj vero amas la bonon, kaj ke ili deziras unuiĝi. Simile estas vera pri iliaj maloj; ke malbono amas malveron, kaj malvero malbonon, kaj ke ili deziras unuiĝi. Sur la sekvantaj paĝoj, la kuniĝo de bono kun vero estos nomata la ĉiela edziĝo; kaj la kuniĝo de malbono kun malvero la infera edziĝo.

34. De tiuj konsideroj sekvas, ke, kiom iu evitas malbonojn kiel pekojn, tiom li amas verojn; ĉar li tiom estas en bono, kiel estas montrite en la tuj antaŭa artikolo. Kontraŭe ankaŭ sekvas, ke kiom oni ne evitas malbonojn kiel pekojn, tiom oni ne amas verojn, ĉar oni tiom ne estas en bono.

35. Homo, kiu ne evitas malbonojn kiel pekojn, povas vere ami verojn; tamen li ne amas ilin pro tio, ke ili estas veroj, sed ĉar ili servas al lia famo, pro kio li ricevas honoron aŭ profiton. Tial, se ili ne servas al tiu celo, li ne amas ilin.

36. La bono rilatas al la volo; la vero rilatas al la kompreno. De la amo al bono en la volo elvenas la amo al vero en la kompreno; de la amo al vero elvenas la percepto de vero; el la percepto de vero la medito pri vero; kaj de ĉi tiuj estas la konfeso de vero, kiu estas fido laŭ ĝia vera signifo. Ke tiu ĉi estas la progreso de l' amo al bono ĝis la fido, estos montrata en la verketo pri *La Dia Amo kaj la Dia Saĝo.*

37. Tial, ke bono ne estas bona, kiel estas montrite, se ĝi ne estas unuiĝinta kun vero, sekvas, ke bono ne ekzistas ĝis tiam, kvankam ĝi ĉiam konstante deziras ekzisti. Tial, por ke ĝi ekzistu, ĝi deziras kaj alprenas al si verojn; de ĉi tiuj estas ĝia nutraĵo kaj formiĝo. Jen kial, kiom oni estas en bono, tiom oni amas verojn, sekve, tiom oni evitas malbonojn kiel pekojn; ĉar tiom oni estos en bono.

38. Kiom iu estas en bono, kaj el bono amas verojn, tiom li amas la Sinjoron, ĉar la Sinjoro estas la Bono mem, kaj la Vero mem. La Sinjoro estas do kun homo en bono kaj en vero; se tiu lasta estas amata pro la bono, tiam la Sinjoro estas amata, sed ne alie. Tion ĉi la Sinjoro instruas ĉe Johano:

> Tiu, kiu havas Miajn ordonojn, kaj plenumas ilin, estas tiu, kiu amas Min; sed kiu ne amas Min, tiu ne observas Miajn parolojn.—(xiv. 21, 24).

Kaj aliloke:

> Se vi observas Miajn Ordonojn, vi restos en Mia amo.—(Johano xv. 10).

La admonoj, vortoj, kaj ordonoj de la Sinjoro estas veroj.

39. Ke la bono amas la veron povas esti montrata per komparoj kun pastro, soldato, negocisto, kaj laboristo.

Ĉe PASTRO: Se li estas en la bono de pastreco, kiu estas, provizi por la saviĝo de animoj, instrui pri la vojo al la ĉielo, kaj konduki tiujn, kiujn li instruas, kiom li estas en tiu bono, de amo kaj ĝia deziro, tiom li al si havigas la verojn, kiujn li instruas, kaj per kiuj li kondukas. Pastro tamen, kiu ne estas en la bono de pastreco, sed estas en la ĝuoj de sia funkcio pro amo al si mem kaj al la mondo, kiuj por li estas la sola bono—li ankaŭ el tiu ĉi amo kaj ĝia deziro, al si havigas tiujn verojn sufiĉege, laŭ la inspiranta ĝojo, kiu estas ĝia bono.

Ĉe SOLDATO: Se li estas en la amo al la deĵorado kaj sentas la bonon en la protektado al la patrolando, aŭ en famo, li al si havigas per tiu bono kaj laŭ ĝi, la sciencon de sia profesio; kaj se li estras, ĝian inteligentecon. Tiuj ĉi estas kvazaŭ veroj, per kiuj la ĝojo de lia amo, kiu estas ĝia bono, estas nutrataj kaj formataj.

Ĉe NEGOCISTO: Se li sin dediĉis al negocado pro amo al ĝi, li ensorbas plezure ĉiujn aferojn kiuj, kiel rimedoj, eniras kaj konsistigas tiun amon; tiuj ĉi ankaŭ estas kvazaŭ veroj, dum la negocado estas ĝia bono.

Ĉe LABORISTO: Se li sin diligentege dediĉas al sia laboro, kaj amas ĝin kiel la bonon de sia vivo, li aĉetas ilojn, kaj sin perfektigas per tiuj aferoj, kiuj apartenas al la scienco de lia laboro; per tiuj ĉi rimedoj li igas sian laboron bona. De tiuj ĉi ekzemploj estas klare, ke veroj estas la rimedoj, per kiuj la bono de amo ekzistas, kaj fariĝas realaĵo; sekve, ke la bono verojn amas, por ke ĝi povu ekzisti. Tial, en la Vorto, per plenumado de la vero estas signifata, igi bonon ekzisti. Tio ĉi estas signifata per

La plenumado de la vero.—(Johano iii. 21).
La plenumado de la diroj de la Sinjoro.—(Luko vi. 47).
La plenumado de Liaj ordonoj.—(Johano xiv. 21).
La plenumado de Liaj vortoj.—(Mateo vii. 24).
La plenumado de la Vorto de Dio.—(Luko viii. 21).
La plenumado de la statutoj kaj juĝoj.—(Levit. xviii. 5).

Tio ĉi estas signifata ankaŭ per bonfarado, kaj fruktoportado; ĉar bono. aŭ frukto, estas tio, kio envenas en ekzistadon.

40. Ke bono amas veron, kaj deziras esti kun ĝi unuigata, povas ankaŭ esti montrata per komparo kun manĝaĵo kaj akvo, aŭ kun pano kaj vino. Devas esti la unu, kune kun la alia. Manĝaĵo aŭ pano sola ne efikas ion en la korpo por ĝia nutrado, escepte kune kun akvo aŭ vino; tial la unu havas apetiton kaj deziron al la alia. Plie, per manĝaĵo kaj pano, en la Vorto, laŭ ĝia spirita senco, estas signifata bono, kaj per akvo kaj vino estas signifata vero.

41. De tio, kio estas dirita, konstateble estas nun, ke tiu, kiu evitas malbonojn kiel pekojn, amas verojn kaj deziras ilin; kaj ke ju pli li evitas malbonojn kiel pekojn, des pli li amas kaj deziras verojn; ĉar li estas tiom pli en bono. Tiel li trafas la ĉielan edziĝon, kiu estas la edziĝo de bono kaj vero, en kiu ĉielo estas, kaj en kiu devos esti la Eklezio.

## KE KIOM IU EVITAS MALBONOJN KIEL PEKOJN, TIOM LI HAVAS FIDON, KAJ ESTAS SPIRITA.

42. La fido kaj la vivo estas distingataj inter si, kiel la pensado kaj la farado: kaj ĉar la pensado estas el la kompreno, kaj la farado estas el la volo, sekvas, ke la fido kaj la vivo estas inter si distingataj, kiel la kompreno kaj la volo. Tiu, kiu konas la distingon de ĉi tiuj, ankaŭ konas la distingon inter tiuj; kaj tiu, kiu konas la kuniĝon de ĉi tiuj, ankaŭ konas la kuniĝon de tiuj. Io do devas esti antaŭmetata pri la kompreno kaj la volo.

39. Ke la bono amas la veron povas esti montrata per komparoj kun pastro, soldato, negocisto, kaj laboristo.

Ĉe Pastro: Se li estas en la bono de pastreco, kiu estas, provizi por la saviĝo de animoj, instrui pri la vojo al la ĉielo, kaj konduki tiujn, kiujn li instruas, kiom li estas en tiu bono, de amo kaj ĝia deziro, tiom li al si havigas la verojn, kiujn li instruas, kaj per kiuj li kondukas. Pastro tamen, kiu ne estas en la bono de pastreco, sed estas en la ĝuoj de sia funkcio pro amo al si mem kaj al la mondo, kiuj por li estas la sola bono—li ankaŭ el tiu ĉi amo kaj ĝia deziro, al si havigas tiujn verojn suficêge, laŭ la inspiranta ĝojo, kiu estas ĝia bono.

Ĉe Soldato: Se li estas en la amo al la deĵorado kaj sentas la bonon en la protektado al la patrolando, aŭ en famo, li al si havigas per tiu bono kaj laŭ ĝi, la sciencon de sia profesio; kaj se li estras, ĝian inteligentecon. Tiuj ĉi estas kvazaŭ veroj, per kiuj la ĝojo de lia amo, kiu estas ĝia bono, estas nutrataj kaj formataj.

Ĉe Negocisto: Se li sin dediĉis al negocado pro amo al ĝi, li ensorbas plezure ĉiujn aferojn kiuj, kiel rimedoj, eniras kaj konsistigas tiun amon; tiuj ĉi ankaŭ estas kvazaŭ veroj, dum la negocado estas ĝia bono.

Ĉe Laboristo: Se li sin diligentege dediĉas al sia laboro, kaj amas ĝin kiel la bonon de sia vivo, li aĉetas ilojn, kaj sin perfektigas per tiuj aferoj, kiuj apartenas al la scienco de lia laboro; per tiuj ĉi rimedoj li igas sian laboron bona. De tiuj ĉi ekzemploj estas klare, ke veroj estas la rimedoj, per kiuj la bono de amo ekzistas, kaj fariĝas realaĵo; sekve, ke la bono verojn amas, por ke ĝi povu ekzisti. Tial, en la Vorto, per plenumado de la vero estas signifata, igi bonon ekzisti. Tio ĉi estas signifata per

La plenumado de la vero.—(Johano iii. 21).
La plenumado de la diroj de la Sinjoro.—(Luko vi. 47).
La plenumado de Liaj ordonoj.—(Johano xiv. 21).
La plenumado de Liaj vortoj.—(Mateo vii. 24).
La plenumado de la Vorto de Dio.—(Luko viii. 21).
La plenumado de la statutoj kaj juĝoj.—(Levit. xviii. 5).

Tio ĉi estas signifata ankaŭ per bonfarado, kaj fruktoportado; ĉar bono. aŭ frukto, estas tio, kio envenas en ekzistadon.

40. Ke bono amas veron, kaj deziras esti kun ĝi unuigata, povas ankaŭ esti montrata per komparo kun manĝaĵo kaj akvo, aŭ kun pano kaj vino. Devas esti la unu, kune kun la alia. Manĝaĵo aŭ pano sola ne efikas ion en la korpo por ĝia nutrado, escepte kune kun akvo aŭ vino; tial la unu havas apetiton kaj deziron al la alia. Plie, per manĝaĵo kaj pano, en la Vorto, laŭ ĝia spirita senco, estas signifata bono, kaj per akvo kaj vino estas signifata vero.

41. De tio, kio estas dirita, konstateble estas nun, ke tiu, kiu evitas malbonojn kiel pekojn, amas verojn kaj deziras ilin; kaj ke ju pli li evitas malbonojn kiel pekojn, des pli li amas kaj deziras verojn; ĉar li estas tiom pli en bono. Tiel li trafas la ĉielan edziĝon, kiu estas la edziĝo de bono kaj vero, en kiu ĉielo estas, kaj en kiu devos esti la Eklezio.

## KE KIOM IU EVITAS MALBONOJN KIEL PEKOJN, TIOM LI HAVAS FIDON, KAJ ESTAS SPIRITA.

42. La fido kaj la vivo estas distingataj inter si, kiel la pensado kaj la farado: kaj ĉar la pensado estas el la kompreno, kaj la farado estas el la volo, sekvas, ke la fido kaj la vivo estas inter si distingataj, kiel la kompreno kaj la volo. Tiu, kiu konas la distingon de ĉi tiuj, ankaŭ konas la distingon inter tiuj; kaj tiu, kiu konas la kuniĝon de ĉi tiuj, ankaŭ konas la kuniĝon de tiuj. Io do devas esti antaŭmetata pri la kompreno kaj la volo.

43. La homo havas du povojn, el kiuj unu estas nomata la VOLO, kaj la alia la KOMPRENO. Ili estas distingataj inter si, sed estas tiel kreitaj, ke ili povas unuiĝi; kaj kiam ili estas unuiĝintaj, ili estas nomataj la MENSO—tial tiuj ĉi faras la homan menson, kaj la tuta vivo de homo en ĝi estas. Ĉar ĉiuj aferoj en la universo, kiuj estas laŭ la Dia ordo, rilatas al bono kaj vero, tiel ankaŭ ĉiuj aferoj ĉe la homo rilatas al la volo kaj la kompreno; ĉar ĉe homo bono estas el lia volo kaj vero estas de lia kompreno. Ĉar tiuj ĉi du povoj estas la ujoj kaj bazoj de bono kaj de vero; la volo estas la ujo kaj bazo de ĉiuj bonaĵoj, kaj la kompreno estas la ujo kaj bazo de ĉiuj veraĵoj. Bonoj kaj veroj havas nenian alian restejon ĉe la homoj; sekve la amo kaj la fido havas nenian alian restejon; tial, ke amo estas el bono, kaj bono el amo, kaj fido el vero, kaj vero el fido. Nenio estas pli sciinda, ol kiamaniere la volo kaj la kompreno povas fari unu menson. Ili faras unu menson, tiel kiel bono kaj vero faras unu; ĉar estas simila edziĝo inter la volo kaj la kompreno, kiel inter la bono kaj la vero. La speco de tiu edziĝo estas dirita iome en la antaŭa artikolo; al kio, ĉi tio estas aldoninda: Ke kiel bono estas la vera esenco de afero, kaj vero estas la sekvanta ekzisto de afero, tiel la volo, ĉe homo, estas ja la esenco de lia vivo, kaj la kompreno estas ja la ekzisto de lia vivo; ĉar bono, kiu estas de la volo, sin formas en la kompreno, kaj iumaniere sin prezentas al la vido.

44. Estas montrite ĉisupre (n$^{oj.}$ 27, 28), ke homo povas scii, pensi, kaj kompreni multajn aferojn, kaj tamen ne esti saĝa; kaj tial, ke estas el fido scii kaj pensi, kaj tiom pli kompreni, ke io tiel estas, estas eble al homo kredi, ke li havas fidon kaj tamen ne havi ĝin. Kial li ne havas ĝin estas, ĉar li estas en la malbono de vivo, kaj la malbono de vivo kaj la vero de fido neniam povas agi kiel unuo. Malbono de vivo pere-

igas la veron de fido; ĉar malbono de vivo estas el la volo, kaj la vero de fido estas el la kompreno, kaj la volo kondukas la komprenon, kaj igas ĝin agi kiel unuo kun si mem. Tial, se estas io en la kompreno, kio ne akordiĝas kun la volo, kiam homo estas lasita al si mem, kaj pensas el sia malbono kaj ĝia amo, li tiam aŭ forĵetas la veron, kiu estas en la kompreno, aŭ per malverigo ĝin igas en unuiĝon. Estas alie ĉe tiuj, kiuj estas en la bono de vivo; tiuj, kiam lasitaj al si mem, pensas el bono, kaj ili amas la veron, kiu estas en la kompreno, ĉar ĝi akordiĝas kun la volo. Tiel plenumata estas kuniĝo de fido kaj vivo, tiel, kiel estas kuniĝo de vero kaj bono; kaj ambaŭ similas la kuniĝon de kompreno kun volo.

45. De tiuj ĉi konsideroj do sekvas, ke, tiom homo evitas malbonojn kiel pekojn, li havas fidon, ĉar tiom li estas en bono, kiel estas montrite pli supre. Tio ĉi estas ankaŭ konfirmata per sia malo, ke tiu, kiu ne evitas malbonojn kiel pekojn, ne havas fidon, ĉar li estas en malbono, kaj la malbono interne malamas la veron: ekstere ĝi ja povas agi kiel ĝia amiko kaj toleri, eĉ ami, ke la vero estu en la kompreno; sed kiam la eksteraĵo estas formetita, kiel okazas post la morto, ĝi tiam unue forĵetas la veron, ĝian amikon en la mondo, poste neas, ke ĝi la vero estas, kaj fine malŝatas ĝin.

46. La fido de malbona homo estas intelekta fido, en kiu estas neniom da bono el la volo; tiel ĝi estas senviva fido, kiu similas la spiradon de la pulmoj sen ĝia vivigo el la koro; la kompreno ankaŭ respondas je la pulmoj, kaj la volo je la koro. Ĝi ankaŭ similas belan prostituulinon, ornamitan eĉ per purpuro kaj oro, kiu estas interne plena de malica malsano; prostituulino ankaŭ rilatas je la malverigo de la vero, kaj tial, en la Vorto, tion signifas. Ĝi ankaŭ similas arbon folioplenan sed senfruktan, kiun la ĝardenisto dehakas; arbo ankaŭ signifas homon, ĝiaj folioj kaj

floroj la verojn de l' fido, kaj ĝia frukto la bonon de l' amo. Sed fido en la kompreno, en kiu estas bono el la volo, estas alia afero. Ĉi tiu fido vivas kaj similas la spiradon de la pulmoj, en kiu estas la vivigo de la koro; kaj ĝi similas belegan edzinon karigata al sia edzo pro ĉasteco; ĝi ankaŭ similas fruktoportantan arbon.

47. Estas multaj veroj, kiuj ŝajnas esti sole el fido; tiel, kiel :—ke Dio ekzistas; ke la Sinjoro, kiu estas Dio, estas la Liberiginto kaj Savinto; ke estas ĉielo kaj infero; ke estas vivo post la morto; kaj multaj aliaj, pri kiuj estas dirite ne, ke ili estas farindaj, sed ke ili estas kredindaj. Tiuj ĉi veroj de fido estas ankaŭ senvivaj ĉe homo, kiu estas en malbono, sed vivaj ĉe homo, kiu estas en bono. La kaŭzo estas, ke la homo, kiu estas en bono ne nur bone agas el la volo, sed bone pensas el la kompreno, ne nur antaŭ la mondo publika, sed ankaŭ antaŭ si mem, kiam li estas sola. Estas alie ĉe tiu, kiu estas en malbono.

48. Estas dirite, ke tiuj veroj ŝajnas esti nur el fido; sed la penso de l' kompreno ricevas sian ekziston el la amo de l' volo, kiu estas la esenco de la penso en la kompreno, kiel estas montrite ĉisupre (n°· 43). Ĉar kion ajn oni volas el amo, tion oni volas fari, volas pensi, volas kompreni, kaj volas paroli; aŭ kio estas sama, kion ajn oni amas el la volo, tion oni amas fari, amas pensi, amas kompreni, kaj amas paroli. Aldoninde estas, ke, kiam homo evitas malbonon kiel pekon, li tiam estas en la Sinjoro, kiel estas montrite ĉisupre, kaj la Sinjoro agigas ĉiujn; tial al tiuj, kiuj Lin demandis, "kion ili devas fari, por ke ili faru la farojn de Dio" la Sinjoro diris, "Jen la faro de Dio, ke vi kredu je Tiu, Kiun Li sendis" (Johano vi. 28, 29). Kredi je la Sinjoro ne estas nur pensi, ke Li ekzistas, sed ankaŭ plenumi Liajn vortojn, kiel Li aliloke instruas.

49. Ke tiuj, kiuj estas en malbonoj, ne havas fidon, malgraŭ ke ili povas imagi, ke ili tion havas, estas montrita per ekzemploj de tieluloj en la spirita mondo. Ili estis enkondukitaj en ĉielan societon, el kie la spirito de la fido de anĝeloj eniris la internon de la fido de tiuj tien kondukitaj; el kio tiuj ĉi ekkomprenis, ke ili havas nur naturan aŭ eksteran fidon, kaj ne la spiritan aŭ internan. Tial ili mem konfesis, ke ili havis tute neniom da fido; kaj ke ili sin estis konvinkintaj en la mondo, ke pensi, ke afero estas ial tiel, estis kredi, aŭ havi fidon. Sed estis vidite, ke alie estas ĉe la fido de tiuj, kiuj ne estis en malbono.

50. El tiuj konsideroj estas videble, kio estas spirita fido, kaj kio estas fido ne spirita; ke fido estas spirita ĉe tiuj, kiuj ne pekas; ĉar tiuj, kiuj ne pekas, bonfaras, ne el si mem, sed el la Sinjoro (vidu antaŭajn n$^{ojn.}$ 18–31), kaj per la fido fariĝas spiritaj. Ĉe ili fido estas vero. Tial la Sinjoro tiel instruas ĉe Johano:

> Tio ĉi estas la juĝo, ke la lumo venis en la mondon, sed homoj pliamis la mallumon ol la lumon, ĉar malbonaj estis iliaj faroj. Ĉiu, kiu faras malbonojn, malamas la lumon, kaj ne venas al la lumo pro timo, ke liaj faroj estos riproĉataj; sed tiu, kiu faras la veron, alvenas al la lumo, por ke liaj faroj estu videbligataj, ĉar ili estas faritaj en Dio.—(iii. 19–21).

51. Kio estas ĝis nun dirita, estas pravigata per la sekvantaj citaĵoj el la Vorto:—

> Bonulo, el la bona trezoro de sia koro, produktas tion, kio estas bona; kaj malbonulo el la malbona trezoro de sia koro produktas tion, kio estas malbona; ĉar el la pleneco de la koro parolas la buŝo.—(Luko vi. 45; Mateo xii. 35).

Per la koro en la Vorto estas signifata la homa volo; kaj ĉar el tio la homo pensas kaj parolas,

floroj la verojn de l' fido, kaj ĝia fr
l' amo. Sed fido en la kompreno, e
el la volo, estas alia afero. Ĉi t
similas la spiradon de la pulmoj,
vivigo de la koro; kaj ĝi similas
karigata al sia edzo pro ĉasteco;
fruktoportantan arbon.

47. Estas multaj veroj, kiuj ŝajnas
tiel, kiel :—ke Dio ekzistas; ke la S
Dio, estas la Liberiginto kaj Savinto
kaj infero; ke estas vivo post la m
aliaj, pri kiuj estas dirite ne, ke ili e
ke ili estas kredindaj. Tiuj ĉi ve
ankaŭ senvivaj ĉe homo, kiu estas
vivaj ĉe homo, kiu estas en bono.
ke la homo, kiu estas en bono ne nur
volo, sed bone pensas el la kompren
la mondo publika, sed ankaŭ antaŭ
li estas sola. Estas alie ĉe tiu, ki
bono.

48. Estas dirite, ke tiuj veroj ŝaj
fido; sed la penso de l' kompren
ekziston el la amo de l' volo, kiu
de la penso en la kompreno, kiel
ĉisupre (n°. 43). Ĉar kion ajn oni vol
oni volas fari, volas pensi, volas komp
paroli; aŭ kio estas sama, kion ajn oni
tion oni amas fari, amas pensi, amas komp
paroli. Aldoninde estas, ke, kiam hom
bonon kiel pekon, li tiam estas en la
estas montrite ĉisupre, kaj la Sinjoro
tial al tiuj, kiuj Lin demandis, "kion
por ke ili faru la farojn de Dio" la
"Jen la faro de Dio, ke vi kredu je
sendis" (Johano vi. 28, 29). Kredi je
estas nur pensi, ke Li ekzistas, sed an
Liajn vortojn, kiel Li aliloke instruas.

ĝi konsistis el du tabuloj, el kiuj
aferojn, kiuj estas de l' parto de
ıjn aferojn en la kunmeto, kiuj
de la homo. Tial la admonoj
nomataj la Dek Vortoj; ili
, ĉar la numero dek signifas
niere tiu Leĝo estas la kunmeto
ligio estos vidata en la sekvanta

tiu Leĝo, estas kuniĝo de la
ıaro, kaj de la homaro kun la
nita la Interligo kaj la Atesto;
kunigas, kaj la Atesto, ĉar ĝi
signifas kunigon, kaj atesto la
tis pro tio, ke estis du tabuloj,
kaj la alia por la homaro.
igata de la Sinjoro, sed nur
rojn faras, kiuj estas skribitaj
a Sinjoro konstante ĉeestas kaj
ri, sed estas al la homo, en la
kiun li havas el la Sinjoro,
"Jen, Mi staras ĉe la pordo
Mian voĉon kaj malfermas la
kaj vespermanĝos kun li, kaj
).
iu estas por la homaro, ne
devas fari ĉi tiun aŭ tiun
li ne devas ĉi tiun aŭ tiun
le: Vi ne devas mortigi;
devas ŝteli; vi ne devas
di. La kaŭzo estas, ke la
ri el si mem; sed kiam li
li bonfaras ne el si mem,
e la homo povas eviti mal-
mem, per la potenco de la
as, estos vidata en la sek-

floroj la verojn de l' fido, kaj ĝia frukto la bonon de l' amo. Sed fido en la kompreno, en kiu estas bono el la volo, estas alia afero. Ĉi tiu fido vivas kaj similas la spiradon de la pulmoj, en kiu estas la vivigo de la koro; kaj ĝi similas belegan edzinon karigata al sia edzo pro ĉasteco; ĝi ankaŭ similas fruktoportantan arbon.

47. Estas multaj veroj, kiuj ŝajnas esti sole el fido; tiel, kiel:—ke Dio ekzistas; ke la Sinjoro, kiu estas Dio, estas la Liberiginto kaj Savinto; ke estas ĉielo kaj infero; ke estas vivo post la morto; kaj multaj aliaj, pri kiuj estas dirite ne, ke ili estas farindaj, sed ke ili estas kredindaj. Tiuj ĉi veroj de fido estas ankaŭ senvivaj ĉe homo, kiu estas en malbono, sed vivaj ĉe homo, kiu estas en bono. La kaŭzo estas, ke la homo, kiu estas en bono ne nur bone agas el la volo, sed bone pensas el la kompreno, ne nur antaŭ la mondo publika, sed ankaŭ antaŭ si mem, kiam li estas sola. Estas alie ĉe tiu, kiu estas en malbono.

48. Estas dirite, ke tiuj veroj ŝajnas esti nur el fido; sed la penso de l' kompreno ricevas sian ekziston el la amo de l' volo, kiu estas la esenco de la penso en la kompreno, kiel estas montrite ĉisupre (n°. 43). Ĉar kion ajn oni volas el amo, tion oni volas fari, volas pensi, volas kompreni, kaj volas paroli; aŭ kio estas sama, kion ajn oni amas el la volo, tion oni amas fari, amas pensi, amas kompreni, kaj amas paroli. Aldoninde estas, ke, kiam homo evitas malbonon kiel pekon, li tiam estas en la Sinjoro, kiel estas montrite ĉisupre, kaj la Sinjoro agigas ĉiujn; tial al tiuj, kiuj Lin demandis, "kion ili devas fari, por ke ili faru la farojn de Dio" la Sinjoro diris, "Jen la faro de Dio, ke vi kredu je Tiu, Kiun Li sendis" (Johano vi. 28, 29). Kredi je la Sinjoro ne estas nur pensi, ke Li ekzistas, sed ankaŭ plenumi Liajn vortojn, kiel Li aliloke instruas.

49. Ke tiuj, kiuj estas en malbonoj, ne havas fidon, malgraŭ ke ili povas imagi, ke ili tion havas, estas montrita per ekzemploj de tieluloj en la spirita mondo. Ili estis enkondukitaj en ĉielan societon, el kie la spirito de la fido de anĝeloj eniris la internon de la fido de tiuj tien kondukitaj; el kio tiuj ĉi ekkomprenis, ke ili havas nur naturan aŭ eksteran fidon, kaj ne la spiritan aŭ internan. Tial ili mem konfesis, ke ili havis tute neniom da fido; kaj ke ili sin estis konvinkintaj en la mondo, ke pensi, ke afero estas ial tiel, estis kredi, aŭ havi fidon. Sed estis vidite, ke alie estas ĉe la fido de tiuj, kiuj ne estis en malbono.

50. El tiuj konsideroj estas videble, kio estas spirita fido, kaj kio estas fido ne spirita; ke fido estas spirita ĉe tiuj, kiuj ne pekas; ĉar tiuj, kiuj ne pekas, bonfaras, ne el si mem, sed el la Sinjoro (vidu antaŭajn n$^{ojn.}$ 18–31), kaj per la fido fariĝas spiritaj. Ĉe ili fido estas vero. Tial la Sinjoro tiel instruas ĉe Johano:

> Tio ĉi estas la juĝo, ke la lumo venis en la mondon, sed homoj pliamis la mallumon ol la lumon, ĉar malbonaj estis iliaj faroj. Ĉiu, kiu faras malbonojn, malamas la lumon, kaj ne venas al la lumo pro timo, ke liaj faroj estos riproĉataj; sed tiu, kiu faras la veron, alvenas al la lumo, por ke liaj faroj estu videbligataj, ĉar ili estas faritaj en Dio.—(iii. 19–21).

51. Kio estas ĝis nun dirita, estas pravigata per la sekvantaj citaĵoj el la Vorto:—

> Bonulo, el la bona trezoro de sia koro, produktas tion, kio estas bona; kaj malbonulo el la malbona trezoro de sia koro produktas tion, kio estas malbona; ĉar el la pleneco de la koro parolas la buŝo.—(Luko vi. 45; Mateo xii. 35).

Per la koro en la Vorto estas signifata la homa volo; kaj ĉar el tio la homo pensas kaj parolas,

estas dirite: "el la pleneco de la koro parolas la buŝo."

Ne tio, kio eniras en la buŝon, malpurigas homon, sed tio, kio eliras el la koro, ĉi tio malpurigas homon.—(Mateo xv. 11, 18).

Per la koro ĉi tie ankaŭ estas signifata la volo. Jesuo diris pri la virino, kiu al Li lavis la piedojn per unguento, "Ŝiaj pekoj estas remetitaj; ĉar ŝi multe amis"; kaj poste, "Via fido estas vin savinta" (Luko vii. 47–50); de kio estas klare, ke, kiam pekoj estas remetitaj, tio estas, kiam ili ne ĉeestas, la fido savas. Ke tiuj estas nomataj la filoj de Dio, kaj naskitaj de Dio, kiuj ne estas en la proprio de sia propra volo kaj tial ne en la proprio de sia propra kompreno, tio estas, kiuj ne estas en malbono kaj de tio en malvero, kaj ke estas tiuj, kiuj kredas je la Sinjoro, Li Mem instruas ĉe Johano i. 12, 13; kiun citaĵon oni povas vidi klarigatan antaŭe (n°. 17, fino).

52. Pro tiuj ĉi konsideroj sekvas la konkludo, ke ne estas ĉe homo eĉ ero da vero pli, ol estas da bono; tial ne eĉ ero da fido pli ol da vivo. Estas en la kompreno la penso, ke io tiel estas; sed ne la konfeso—kiu estas fido—sen la konsento ĉe la volo. Tial fido kaj vivo kune antaŭeniras egalpaŝe. De tiuj ĉi konsideroj estas nun evidente, ke kiom oni evitas malbonojn kiel pekojn, tiom oni havas fidon, kaj estas spirita.

## KE LA DEKALOGO INSTRUAS, KIUJ MALBONOJ ESTAS PEKOJ.

53. Kiu nacio tra la tuta mondo ne scias, ke estas malbone ŝteli, adulti, mortigi, kaj false atesti? Se nacioj ne scius tiujn ĉi, kaj ne per leĝoj malpermesus tiajn malbonojn, ĉio estus finita ĉe ili; ĉar societo, komunumo aŭ regno sen tiuj leĝoj pereus. Kiu povas supozi, ke la Izraela popolo estis, pli ol ĉiuj

aliaj, tiel sensaĝa nescii, ke tiuj ĉi estas malbonaj agoj? Oni do povas miri, kial tiuj leĝoj, tra la tuta mondo bone konataj, estis tiel mirakle eldonitaj de Monto Sinai de Jehovo Mem. Sed aŭskultu. Ili tiel estis mirakle eldonataj, por ke la homaro povu scii, ke tiuj leĝoj ne estas nur civilaj kaj moralaj leĝoj, sed ankaŭ spiritaj leĝoj; kaj ke agi kontraŭe al ili estas ne nur malbonfari kontraŭ la urbano, kaj kontraŭ la societo, sed estas ankaŭ peki kontraŭ Dio. Tiuj leĝoj do, per sia eldono el Monto Sinai de Jehovo, fariĝis leĝoj de la religio; ĉar estas evidente, ke kio ajn ordonas Jehovo Dio, Li ordonas, por ke ĝi estu afero religia, kaj ke ĝi devus esti farata pro Li, kaj pro la homo, por ke tiu ĉi estu savata.

54. Tiuj leĝoj, tial ke ili estis la unuaj fruktoj de l' Vorto, kaj tial la unuaj fruktoj de l' Eklezio, kiu estis fondigota de la Sinjoro ĉe la Izraela popolo; kaj tial, ke ili estis, en mallonga cito, la kunmeto de ĉiuj aferoj religiaj, per kiuj estas efektivigata kuniĝo de la Sinjoro kun homo, kaj de l' homo kun la Sinjoro—estis tiel sanktaj, ke nenio povus esti pli sankta.

55. Ke ili estis sanktegaj povas aperi pro la fakto, ke Jehovo Mem, tiu estas, la Sinjoro, malsupreniris sur Monton Sinai en fajro, kaj kune kun anĝeloj, kaj de tie eldonis ilin per vortoj el la buŝo; kaj ke dum tri tagoj la popolo sin preparadis por vidi kaj aŭskulti; ke la monto estis ĉirkaŭbarita, por ke neniu povu alproksimiĝi kaj morti; ke nek la pastraro nek la pliaĝuloj devis alproksimiĝi, sed nur Moiso; ke tiuj leĝoj estis skribitaj per la fingro de Dio sur du ŝtonajn tabulojn; ke la vizaĝo de Moiso brilis, kiam li ilin malsuprenportis la duan fojon de la monto; ke ili poste estis metitaj en la keston "arkeo," kaj la arkeo en la plej internan parton de la tabernaklo; kaj ke super la arkeo estis lokita la seĝo de kompato, kaj super tiu ĉi estis lokitaj keruboj el oro; ke tio ĉi estis la plej sankta objekto en ilia

Eklezio, nomita la Sanktaĵo de Sanktaĵoj; ke ekster la vualo, en kiu estis tiu Sanktaĵo de Sanktaĵoj, estis aranĝitaj la aferoj, kiuj reprezentis la sanktaĵojn de ĉielo kaj de l' Eklezio, kiuj estis la kandelingo kun la sep branĉoj el oro, la ora altaro por incenso, kaj la tablo ore kovrita, sur kiu estis la pano de vizaĝoj, kun la kurtenoj el bela tolaĵo, purpura kaj skarlata ĉirkaŭe. La sankteco de la tuta tabernaklo estis pro nenia alia kaŭzo krom pro la Leĝo, kiu estis en la arkeo. Pro la sankteco de la tabernaklo, kaŭze de la Leĝo en la arkeo, la tuta Izraela popolo, laŭordone, starigis la tendaron ĉirkaŭ ĝi laŭ ordo, laŭ siaj gentoj, kaj laŭ ordo vojaĝis post ĝi; kaj tiam nubo restis super ĝi dum la tago, kaj fajro nokte. Pro la sankteco de tiu Leĝo kaj la ĉeesto en ĝi de la Sinjoro, la Sinjoro parolis kun Moiso inter la keruboj kaj la seĝo de kompato; kaj la arkeo estis nomata "Jehovejo;" plue ne estis permesate al Aarono, eniri interne de la vualo, krom kun oferoj kaj incenso. Ĉar tiu Leĝo estis la sankteco mem de la Eklezio, tial la arkeo estis enportata en Cionon de Davido; kaj estis poste metata en la templomezon en Jerusalemo, kaj estis ĝia sanktejo. Pro la ĉeesto de la Sinjoro en tiu Leĝo, kaj ĉirkaŭ ĝi, mirakloj estis ankaŭ farataj de la arkeo, en kiu estis tiu Leĝo; kiel kiam la akvoj de Ĵordano dividiĝis, kaj dum la arkeo kuŝis en la mezo, la popolo preterpasis sur seka tero; kiam la muroj de Jeriĥo falegis antaŭ ĝi, pro tio, ke ĝi estis portata ĉirkaŭ ili; kiam Dagono, la dio de l' Filistroj falis teren antaŭ ĝi, kaj poste kuŝis ĉe la pordo de la templo kun la kapo disigita de l' korpo; kaj kiam la Bethŝemanoj pro ĝi estis multmilope frakasataj; kaj aliaj mirakloj plu. Ĉi tiuj estis ĉiuj nur pro la ĉeesto de la Sinjoro en Liaj Dek Vortoj, kiuj estas la Ordonoj de la Dekalogo.

56. Tiel granda potenco kaj tiel granda sankteco estis en tiu Leĝo, ankaŭ ĉar ĝi estis la kunmeto de

ĉiuj da religio; ĉar ĝi konsistis el du tabuloj, el kiuj unu surhavas ĉiujn aferojn, kiuj estas de l' parto de Dio, kaj la alia ĉiujn aferojn en la kunmeto, kiuj estas de l' parto de la homo. Tial la admonoj de tiu Leĝo estas nomataj la Dek Vortoj; ili estas tiel nomataj, ĉar la numero dek signifas "ĉiuj." Sed kiamaniere tiu Leĝo estas la kunmeto de ĉiuj aferoj de religio estos vidata en la sekvanta artikolo.

57. Tial ke, per tiu Leĝo, estas kuniĝo de la Sinjoro kun la homaro, kaj de la homaro kun la Sinjoro, ĝi estas nomita la Interligo kaj la Atesto; la Interligo, ĉar ĝi kunigas, kaj la Atesto, ĉar ĝi atestas; ĉar interligo signifas kunigon, kaj atesto la atestigon pri ĝi. Estis pro tio, ke estis du tabuloj, unu por la Sinjoro, kaj la alia por la homaro. Kunigo estas efektivigata de la Sinjoro, sed nur kiam la homo tiujn aferojn faras, kiuj estas skribitaj sur lia tabelo. Ĉar la Sinjoro konstante ĉeestas kaj laboras, kaj deziras eniri, sed estas al la homo, en la ekzerco de libereco lia, kiun li havas el la Sinjoro, malfermi; ĉar Li diras: "Jen, Mi staras ĉe la pordo kaj frapas: se iu aŭdas Mian voĉon kaj malfermas la pordon, Mi eniros al li kaj vespermanĝos kun li, kaj li kun Mi" (Apok. iii. 20).

58. Sur la alia tabulo, kiu estas por la homaro, ne estas dirite, ke la homaro devas fari ĉi tiun aŭ tiun bonon; sed estas dirite, ke li ne devas ĉi tiun aŭ tiun malbonon fari; kiel ekzemple: Vi ne devas mortigi; vi ne devas adulti; vi ne devas ŝteli; vi ne devas false atesti; vi ne devas avidi. La kaŭzo estas, ke la homo ne povas ian bonon fari el si mem; sed kiam li ne faras malbonojn tiam li bonfaras ne el si mem, sed el la Sinjoro. Ke la homo povas eviti malbonojn kvazaŭ el si mem, per la potenco de la Sinjoro, se li tion petegas, estos vidata en la sekvantaj paĝoj.

59. Kio estas dirite ĉisupre (n°· 55) pri la eldono, sankteco, kaj potenco de ĉi tiu Leĝo povas esti trovata en la sekvantaj citaĵoj el la Vorto:

**Ke Jehovo malsupreniris sur Monton Sinai en fajro, kaj ke la monto tiam fumis kaj tremis; kaj ke estis tondroj, fulmoj, densa nubo, kaj trumpeta voĉo.—(Eksodo xix. 16, 18; Deŭt. iv. 11; v. 22–26).**

**Ke antaŭ la malsupreniro de Jehovo, la popolo sin preparadis kaj sanktigis dum tri tagoj.—(Eksodo xix. 10, 11, 15).**

**Ke la monto estis ĉirkaŭbarita, por ke neniu povu alproksimiĝi aŭ apudesti apud ĝia bazo, kaj tial morti; kaj ke eĉ la pastroj ne povis alproksimiĝi, sed Moiso sole.—(Eksodo xix. 12, 13, 20–23; xxiv. 1, 2).**

**La Leĝo eldonita el Monto Sinai.—(Eksodo xx. 2–17; Deŭt. v. 6–21).**

**Ke tiu Leĝo estis skribita per la fingro de Dio sur du ŝtontabulojn.—(Eksodo xxxi. 18; xxxii. 15, 16; Deŭt. ix. 10).**

**Ke kiam li malsuprenportis la duan fojon tiujn tabulojn, la vizaĝo de Moiso brilis.—(Eksodo xxxiv. 29–35).**

**Ke la tabuloj estis metitaj en la arkeon.—(Eksodo xxv. 16; xl. 20; Deŭt. x. 5; I. Reĝoj viii. 9).**

**Ke super la arkeo estis la kompato-seĝo, kaj super tiu ĉi estis metitaj keruboj el oro.—(Eksodo xxv. 17–21).**

**Ke la arkeo, kun la seĝo de kompato kaj keruboj, formis la plej internan parton de la tabernaklo; kaj ke la ora kandelingo, la ora altaro, la incenso, kaj la tablo ore kovrita, sur kiu estis la pano de la vizaĝoj, formis la eksteran parton de la tabernaklo; kaj la dek kurtenoj de bela tolaĵo, purpura kaj skarlata, formis ĝian plej eksteran parton.—(Eksodo xxv. 1–fino; xxvi. 1–fino; xl. 17–28).**

**Ke la loko sur kiu estis la arkeo, estis nomata la Sanktejo de Sanktejoj.—(Eksodo xxvi. 33).**

**Ke la tuta Izraela popolo starigis la tendaron ĉirkaŭ ĝi laŭ ordo, laŭ siaj gentoj, kaj laŭ ordo vojiris post ĝi.—(Num. ii. 1–fino).**

**Ke tiam nubo restis super la tabernaklo dum la tago, kaj fajro nokte.—(Eksodo xl. 38; Num. ix. 15–fino; xiv. 14; Deŭt. i. 33).**

**Ke la Sinjoro parolis kun Moiso super la arkeo, inter la keruboj.—(Eksodo xxv. 22; Num. vii. 89).**

**Ke, pro la Leĝo en ĝi, la arkeo estis nomata "Jehovejo," *pro* tio, ke kiam la arkeo estis antaŭenirigata Moiso**

diris "Leviĝu, Ho Jehovo," kaj kiam ĝi kuŝis: "Revenu, Ho Jehovo."—(Num. x. 35, 36; II. Sam. vi. 2; Psalmo cxxxii. 7, 8).

Ke, pro la sankteco de tiu Leĝo, ne estis permisite al Aarono eniri internen post la vualon, krom kun oferoj kaj incenso.—(Levitiko xvi. 2–14, kaj sekvantaj).

Ke la arkeo estis enportata en Cionon de Davido kun oferoj kaj ĝoja kriado (II. Sam. vi. 1–19); kaj ke tiam mortis Uzzaho, ĉar li tuŝis ĝin.—(II. Sam. vi. 6, 7).

Ke la arkeo estis metata en la templomezon en Jerusalemo, kie ĝi estis ĝia sanktejo.—(I. Reĝoj vi. 19, k.s.; viii. 3–9).

Ke pro la ĉeesto de la Sinjoro kaj potenco en la Leĝo, kiu estis en la arkeo, la akvoj de Jordano dividiĝis, kaj dum la arkeo kuŝis en la mezo, la popolo preterpasis sur seka tero.—(Joŝuo iii. 1–17; iv. 5–20).

Ke la muroj de Jeriĥo falegis, ĉar la arkeo estis portata ĉirkaŭ ili.—(Joŝuo vi. 1–20).

Ke Dagono, la dio de l' Filistroj, falis teren antaŭ la arkeo, kaj poste kuŝis ĉe la pordo de la templo, kun la kapo disigita de l' korpo.—(I. Sam. v. 3, 4).

Ke pro la arkeo la Bethŝemanoj multmilope estis frakasataj.—(I. Sam. vi. 19).

60. Ke la tabuloj el ŝtono, sur kiujn la Leĝo estis skribita, estis nomitaj la tabuloj de la interligo; kaj ke la arkeo, pro ili, estis nomita la arkeo de la interligo; kaj la Leĝo mem, la interligo, estas instruata en Numeroj x. 33; Deŭtronomio iv. 13, 23; v. 2, 3; ix. 9; Joŝuo iii. 11; I. Reĝoj viii. 21; Apokalipso xi. 19; kaj multaj aliaj lokoj. La Leĝo estis nomata Interligo, ĉar interligo signifas kunigon; tial estas dirite pri la Sinjoro, ke "Li estos kiel interligo por la popolo" (Jesajo xlii. 6; xlix. 8); kaj Li estas nomata "La Anĝelo de la interligo" (Malaĥi iii. 1); kaj Lia sango "la sango de la interligo" (Mateo xxvi. 28; Zeĥario ix. 11; Eksodo xxiv. 4–10). Samkaŭze la Vorto estas nomata "la Malnova Interligo kaj la Nova Interligo." Plue, interligoj estas farataj pro amo, pro amikeco, pro interrilato kaj tial, pro kuniĝo.

61. Ke la admonoj de tiu Leĝo estas nomitaj la Dek Vortoj aperas je Eksodo xxxiv. 28; Deŭtronomio

iv. 13; x. 4. Ili estas tiel nomitaj, ĉar la numero dek signifas "ĉiuj" kaj vortoj signifas "veroj"—ĉar estis pli ol dek. Pro tio, ke la numero dek signifas ĉiuj, estis dek kurtenoj en la tabernaklo (Eksodo xxvi. 1); tial la Sinjoro diris, ke viro ricevonta regnon alvokis dek servistojn, kaj al ili donis po unu minaon* por negocado (Luko xix. 13), kaj tial la Sinjoro komparis la ĉielan regnon kun dek virgulinoj (Mateo xxv. 1). Samkaŭze la drako estas priskribita, kiel posedanta dek kornojn, kaj sur siaj dek kornoj, dek diademojn (Apok. xii. 3); simile pri la besto eliranta el la maro (Apok. xiii. 1) kaj ankaŭ alia besto (Apok. xvii. 3, 7); kiel ankaŭ la besto en Danielo (vii. 7, 20, 24). Similo estis signifata per dek en Levitiko xxvi. 26; Zeĥario viii. 23, kaj aliloke. Tial estas dekonaj impostoj, per kiuj estas signifata "io de ĉio."

KE ĈIUSPECAJ MORTIGOJ, ADULTOJ, ŜTELOJ, FALSA ATESTADO, KUN ĈIU DEZIRO AL ILI, ESTAS MALBONOJ, KIUJ ESTAS EVITINDAJ KIEL PEKOJ.

62. Estas sciate, ke la Sinaia Leĝo estis skribita sur du tabulojn, kaj ke la unua tabulo surhavis tiujn, kiuj rilatas Dion, kaj la alia tiujn, kiuj rilatas la homaron. Ke la unua tabulo surhavis ĉiujn, kiuj rilatas Dion, kaj la alia ĉiujn, kiuj rilatas la homaron, ne aperas vorte; sed ĉiuj aferoj en ili estas; tial do ili estas nomataj la "Dek Vortoj" per kio estas signifata ĉiuj veroj en la kunmeto (vidu ĵus antaŭe n°. 61): sed kiamaniere ĉiuj estas en ili, ne estas per malmultaj vortoj klarigeble; povas tamen esti komprenata el tio, kio estis antaŭmetata en *La Dogmaro pri la Sanktaj Skriboj* (n°. 67). Pro tio estas dirite, mortigoj, adultoj, ŝteloj kaj malvera atestado ĉiuspecaj.

* *Minao=31 spesmilojn.*

63. Religia opinio ekzistis, ke neniu povas plenumi la Leĝon; kaj la Leĝo estas, ne mortigi, ne adulti, ne ŝteli, kaj ne false atesti. Ĉiu homo civila kaj morala povas plenumi ĉi tiujn admonojn de la Leĝo el vivado civila kaj morala; sed ke el vivado spirita oni povas same fari, tiu religia opinio neas. De tio sekvas, ke lia nefarado de tiuj malbonoj estas nur por eviti punojn kaj perdojn en la mondo, kaj ne por eviti punojn kaj perdojn post kiam li estos forlasinta la mondon. De tio estas, ke homo, ĉe kiu ekzistas ĉi tiu religia opinio, pensas, ke tiuj malbonoj estas leĝaj antaŭ la vido de Dio, sed kontraŭleĝaj antaŭ la vido de la homaro. Pro tiu penso, el tiu lia religia opinio, la homo estas en deziro al ĉiuj tiuj malbonoj; kaj nur pro la mondo ne faras ilin; tial, tia homo post la morto, kvankam li ne estis farinta mortigojn, adultojn, ŝtelojn, kaj falsan ateston ankoraŭ tamen deziras ilin fari; kaj li ankaŭ faras ilin, kiam la ekstero, kiun li en la mondo posedis, estas forprenita for de li. Ĉiu deziro restas kun la homo post la morto. Tial okazas, ke tiaj personoj agas en kuniĝo kun la infero, kaj ne povas ne havi sian sorton kun tiuj, kiuj estas en la infero. Sed alia sorto atendas tiujn, kiuj ne volas mortigi, nek adulti, nek ŝteli, nek false atesti, pro tio, ke la faro de tiuj agoj estas kontraŭ Dio. Post iom da batalado kontraŭ tiuj malbonoj, ili ne volas ilin, sekve ne deziras ilin fari; en koro al si dirantaj, ke tiuj estas pekoj, en si mem inferaj kaj diablaj. Tiuj ĉi, post la morto, kiam la eksteraĵo, kiun ili havis por la mondo, estas de ili forprenita, agas en kuniĝo kun la ĉielo; kaj ĉar ili estas en la Sinjoro, ili ankaŭ envenas en la ĉielon.

64. Estas en ĉiu religio komuna admono, ke la homo devas sin esplori, pentofari, kaj ĉesi pekadon; kaj ke se tion li ne faras, li estas en stato dekon damneco. Ke ĉi tio estas komuna al ĉiu religio povas esti vidata ĉisupre (n° 48). Estas ankaŭ komune ĉe la Kristana

mondo instrui la Dekalogon, kaj tiel ekinstrui infanojn pri la Kristana religio; ĉar ĝi estas inter la manoj de ĉiuj infanoj kaj junuloj. Iliaj parencoj kaj instruistoj instruas ilin, ke fari tiujn malbonojn estas peki kontraŭ Dio; efektive, kiam ili paroladas kun infanoj ili ne alie scias. Kiu povas ne miri, ke tiuj samaj parencoj kaj instruistoj, kaj ankaŭ la infanoj, kiam ili plenkreskintaj estas, opinias ke ili ne estas sub tiu Leĝo, kaj ke ili ne kapablas fari la aferojn de tiu Leĝo postulataj? Ĉu povas esti alia kaŭzo, kial ili lernas tiel pensi, krom ke ili amas malbonojn, kaj tial ankaŭ la falsaĵojn, kiuj ilin favoras? Tiuj ĉi, do, estas, kiuj ne faras la admonojn de la Dekalogo la admonoj de religio. Ke tiuj samaj vivas sen religio estos vidata en *La Dogmaro pri Fido.*

65. Ĉe ĉiuj religion-posedantaj gentoj de la mondo, estas admonoj, similaj je tiuj de la Dekalogo, kaj ĉiuj, kiuj vivas laŭ ili pro religio, estas savataj; kaj ĉiuj, kiuj ne pro religio vivas laŭ ili estas kondamnataj. Tiuj, kiuj vivas laŭ ili pro religio, instruitaj post morto de anĝeloj, ricevas verojn, kaj konfesas la Sinjoron. La kaŭzo estas, ke ili evitas malbonojn, kiel pekojn, kaj de tio estas en bono; kaj bono la veron amas, kaj el la deziro al amo akceptas ĝin, kiel estas montrite pli supre (n$^{oj.}$ 32–41). Tio ĉi estas signifata per la vortoj de la Sinjoro al la Hebreoj:

> La regno de Dio estos forprenata de vi, kaj estos donata al nacio, kiu produktos ĝiajn fruktojn.—(Mateo xxi. 43).
>
> Kiam alvenos la Estro de la vinberejo, li pereigos la malbonulojn, kaj ludonos Sian vinberejon al aliaj kulturistoj, kiuj al Li donos laŭsezone la fruktojn.—(Mateo xxi. 40, 41).
>
> Mi diras al vi, ke multaj venos el la oriento kaj el la okcidento, kaj el la nordo, kaj el la sudo, kaj kuŝiĝos en la regno de Dio: sed la filoj de la regno estos orĵetataj en la eksteran mallumon.—(Mateo viii. 11, 12; Luko xiii. 29).

66. Ni legas ĉe Marko, ke:

Iu riĉulo venis al Jesuo kaj Lin demandis, kion li devas fari por heredi eternan vivon: al kiu respondis Jesuo: Vi scias la ordonojn: Vi ne adultu; vi ne mortigu; vi ne ŝtelu; vi ne estu falsa atestanto; kaj vi ne trompu: honoru gepatrojn viajn. Li respondante diris: Ĉiujn ĉi mi atentis jam de juneco mia. Jesuo rigardis lin, kaj amis lin; Li tamen diris: Unu afero mankas al vi; iru, vendu kion ajn vi posedas, kaj donu al malriĉuloj, tiel vi ricevos trezoron en la ĉieloj; kaj venu, sekvu Min, portante la krucon.—(x. 17–22).

Estas dirite, ke Jesuo amis lin; tio ĉi okazis ĉar li diris, ke li atentis je la ordonoj jam de sia juneco; sed ĉar al li mankis tri aferoj—kiuj estas, ke li ne estis formetinta sian koron de riĉaĵo, ke li ne estis batalinta kontraŭ dezirojn, kaj ke li ne ankoraŭ estis konfesinta la Sinjoron Dio—tial la Sinjoro diris, ke li devas vendi ĉion, kion li posedas; per kio estas signifate, ke li fortiru sian koron de riĉaĵoj; ke li devas porti la krucon, per kio estas signifate, ke li devas kontraŭbatali dezirojn; kaj ke li devas sekvi Lin, per kio estas signifate, ke li devas konfesi la Sinjoron Dio. La Sinjoro parolis tiujn ĉi vortojn, kiel Li parolis ĉiujn Siajn vortojn, per simiIoj (vidu *La Dogmaro pri la Sanktaj Skriboj*, n°. 17). Ĉar neniu povas eviti malbonojn kiel pekojn, se li ne konfesas la Sinjoron, kaj alproksimiĝas je Li; kaj se li ne kontraŭbatalas malbonojn, kaj tiel formetas dezirojn. Sed plu estos dirate pri ĉi tiuj temoj ĉe la artikolo pri la batalado kontraŭ malbonoj.

## KE KIOM ONI EVITAS MORTIGOJN CIUSPECAJN, KIEL PEKOJN, TIOM ONI HAVAS AMON AL LA NAJBARO.

67. Per ĉiuspecaj mortigoj estas ankaŭ signifataj ĉiuj specoj de envio, malamo, kaj venĝo, kiuj spiras mortigon; ĉar ankaŭ en ĉi tiuj kaŝite kuŝas la

mortigo, tiel, kiel fajro en ligno sub cindroj. Infera fajro estas nenio alia; kaj de tio venas la esprimoj, "flamiĝi pro malamo," kaj "bruliĝi pro venĝo." Ĉi tiuj estas mortigoj, laŭ la natura senco. Sed laŭ la spirita senco, per mortigoj estas signifataj ĉiuj manieroj mortigi kaj pereigi la animojn de la homoj; kiuj estas diversaj kaj multspecaj. Sed, laŭ la plej alta senco, per mortigo estas signifata malamo al la Sinjoro. Ĉi tiuj tri specoj de mortigoj faras unuon, kaj kunligiĝas; ĉar kiu ajn deziras mortigi la korpon de homo en la mondo, deziras ankaŭ mortigi lian animon post la morto; kaj li deziras la mortigon de la Sinjoro, ĉar li bruliĝas pro kolerego kontraŭ Li, kaj deziras Lian nomon neniigi.

68. Ĉi tiuj specoj de mortigoj kaŝite kuŝas interne en la homo jam de naskiĝo; sed de infaneco li lernas ilin vuali per vualo de civileco kaj moraleco, kiun surmeti li ja devas inter homoj de la mondo, kaj kiom li amas honoron kaj profiton, tiom li atentas, ke ili ne ekaperu. Tiu ĉi fariĝas la Ekstero de l' homo, dum tiuj estas lia Interno. Tia estas la homo en si mem. Nu, ĉar li demetas la Eksteron kun la korpo, kiam ĝi mortas, kaj retenas la Internon, estas klare, kia li estus diablo, se li ne estus reformita.

69. Pro tio, ke la specoj de mortigoj supre cititaj restas kaŝitaj interne en la homo, kiel estas jam dirite, de naskiĝo, kaj samtempe ĉiuspecaj ŝteloj, kaj falsa atesto kune kun la deziroj al ili (pri kio estas io dirota pli poste) estas evidente, ke, se la Sinjoro ne estus provizinta ilojn por reformiĝo, la homo ne povus ne perei eterne. La iloj por reformiĝo, kiujn provizis la Sinjoro, estas la jenaj:—Ke la homo estas naskata en nepra nescio; ke dum li ankoraŭ infano estas, li estas tenata en ekstera stato de senpekeco; iom poste, en stato de ekstera amemo; kaj tiam en stato de ekstera amikeco; sed kiam li venas en penskapablon, el sia propra kompreno, li estas tenata en ia libereco

de agado, laŭ rezonado. Tiu ĉi estas la stato priskribita pli supre (n°. 19), kaj tiu priskribo estas ĉi tie ripetata, pro tio, kio sekvas.

"Estante en la mondo, la homo estas meze inter la ĉielo kaj infero: sube estas la infero, kaj supre estas la ĉielo: kaj tiam li estas tenata en libereco sin turni ĉu al infero, ĉu al ĉielo: se li sin turnas al infero, li deturnas sin de ĉielo; sed se li sin turnas al ĉielo, li deturnas sin de infero. Aŭ, kio estas same, estante en la mondo, li staras meze inter la Sinjoro kaj la diablo, kaj estas tenata en libereco sin turni ĉu al la unu ĉu al la alia; se li sin turnas al la diablo, li sin deturnas de la Sinjoro; sed se li sin turnas al la Sinjoro, li sin deturnas de la diablo. Aŭ, kio estas same, estante en la mondo, li estas meze inter la bono kaj la malbono, kaj estas tenata en libereco sin turni ĉu al la unu, ĉu al la alia; se li sin turnas al la malbono, li deturnas sin de la bono; sed se li sin turnas al la bono, li deturnas sin de la malbono." Tiu ĉi estas numero 19 pli supre: vidu ankaŭ numerojn 20 ĝis 22, kiuj tie sekvas.

70. Nu, ĉar malbono kaj bono estas du maloj, ĝuste tiel, kiel infero kaj ĉielo, aŭ la diablo kaj la Sinjoro estas maloj, sekvas, ke se homo evitas malbonon kiel pekon, li envenas en la bonon, kiu estas la malo de malbono. La bono, kiu estas la malo de la malbono per mortigo signifata, estas la bono de la amo al la najbaro.

71. Tial ke tiu ĉi bono, kaj tiu malbono estas maloj, sekvas, ke tiu lasta estas forprenata de la alia. Du maloj ne povas kune ekzisti, tiel, kiel la ĉielo kaj la infero ne povas kune ekzisti. Se ili estus kune, estus varmeteco, pri kio estas jene skribite ĉe la Apokalipso: "Mi scias, ke vi estas nek malvarma, nek varma: Mi volus, ke vi estu aŭ malvarma aŭ varma; sed ĉar vi estas varmeta, kaj nek malvarma, nek varma, Mi vin elsputos el buŝo Mia."—(iii. 15, 16).

72. Kiam homo ne plu estas en la malbono de mortigo, sed estas en la bono de amo al la najbaro, tiam io ajn, kion li faras, estas bono de tiu amo; tial ĝi estas bona faro. Pastro, kiu estas en tiu bono, kiam ajn li instruas kaj kondukas, faras bonan faron, ĉar li agas pro la amo al la savado de animoj. Juĝisto, kiu estas en tiu bono, kiam ajn li resumas la atestaĵon, kaj eldiras la juĝon, faras bonan faron, ĉar li agas pro la amo al patruja servado, al societo, kaj al siaj samurbanoj. Negocisto, simile; se li estas en tiu bono, ĉiu lia faro estas bona faro; estas en ĝi la amo al la najbaro; kaj liaj patrujo, societo, samurbanoj, kaj ankaŭ liaj servistoj estas la najbaro, pri kies bonstato li klopodas kune kun la sia. Laboristo ankaŭ, kiu estas en tiu bono, laboras fidele sub ĝia influo, por aliaj tiel, kiel por si mem, timante la perdon de l' najbaro kiel sian propran. Iliaj faroj estas bonaj ĉar, kiom oni evitas malbonon, tiom oni faras bonon, laŭ la ĝenerala principo montrita pli supre (n^o. 21), kaj tiu, kiu evitas malbonon kiel pekon, faras bonon ne el si mem, sed el la Sinjoro (n^oj. 18–31). Estas male ĉe tiu, kiu ne konsideras kiel pekojn tiujn specojn de mortigoj, kiaj estas envioj, malamoj, venĝoj, kaj multaj aliaj; estu li pastro, juĝisto, negocisto, aŭ laboristo, kion ajn li faras, ĝi ne estas bona faro, ĉar ĉiu lia faro partoprenas en la malbono, kiu interne estas en li. Ĉar estas lia interno kiu produktas; la ekstèro povas esti bona, sed por aliuloj nur, ne por si mem.

73. La Sinjoro instruas pri la bono de la amo per multaj versoj en la Vorto; kaj Li ĝin instruas per repaciĝo kun la najbaro, en Mateo:

> Se vi oferdonas vian donacon ĉe la altaro, kaj tie rememoras, ke via frato havas kontraŭ vi ion, tie lasu vian donacon antaŭ la altaro, kaj iru vian vojon; unue repaciĝu kun via frato, kaj tiam venu kaj oferdonu vian donacon. Amikiĝu kun kontraŭulo via, dum vi estas kun li sur la vojo; por ke la kontraŭulo ne liveru vin al la juĝisto, kaj la juĝisto ne vin liveru al la

oficiro, kaj vi ne estu ĵetata en malliberejon. Vere Mi diras al vi, ke vi ne el tie eliros, antaŭ ol vi estos paginta la lastan speson (v. 23–26).

Repaciĝi kun frato signifas, eviti malamikecon, malamon kaj venĝemon; ke ĝi signifas eviti ĝin kiel pekon estas evidente. La Sinjoro ankaŭ ĉe Mateo instruas:

> Ĉion, kion vi volus, ke la homoj faru al vi, vi ja ankaŭ faru al ili: ĉar jen la Leĝo kaj la Profetoj (vii. 12);

tiel, ke ni ne devas fari malbonon. Kaj tiel ofte aliloke. La Sinjoro ankaŭ instruas, ke eĉ senpripensa koleriĝo kontraŭ frato, aŭ kontraŭ najbaro, kaj opinii tiun malamiko, estas mortigo (Mateo v. 21, 22).

## KE KIOM ONI EVITAS ĈIUSPECAJN ADULTOJN KIEL PEKOJN, TIOM ONI AMAS ĈASTECON.

74. Per adulti en la sesa admono de la Dekalogo, laŭ la natura senco estas signifata ne nur prostituo, sed ankaŭ maldece agi, malĉaste paroli, kaj malpure pensi. Sed laŭ la spirita senco, per adulti estas signifata aliigi la bonojn de la Vorto, kaj falsi ĝiajn verojn. Kaj laŭ la plej alta senco, per adulti estas signifata nei la diecon de la Sinjoro, kaj malsanktigi Lian Vorton. Estas adultoj ĉiuspecaj. La natura homo per racia scio, povus kompreni, ke per adulti estas ankaŭ signifata maldece agi, malĉaste paroli kaj malpure pensi; sed li ne scias, ke per adulti ankaŭ estas signifata aliigi la bonojn de la Vorto, kaj falsi ĝiajn verojn; ankoraŭ malpli ke ĝi signifas nei la diecon de la Sinjoro kaj malsanktigi la Vorton. Tial li ne scias, ke adulto estas tiel granda malbono, ke ĝi povas esti nomata mem diableco; ĉar kiu ajn estas en adulteco natura estas ankaŭ en adulteco spirita, kaj male. Sed tiuj, kiuj ne konsideras

adultojn, kiel pekojn, per fido kaj per vivo, estas samtempe en ĉiaj adultoj.

75. Ke kiom oni evitas adulton, tiom oni amas edzecon, aŭ kio estas sama, kiom oni evitas la malĉastecon de adulto, tiom oni amas la ĉastecon de edzeco, estas ĉar la malĉasteco de adulto kaj la ĉasteco de edzeco estas du maloj; tial, kiom oni ne estas en unu, tiom oni estas en la alia. Estas precize tiel, kiel estas dirite pli supre (n°. 70).

76. Neniu povas scii, kia estas la ĉasteco de edzeco, se li ne evitas kiel pekon la malĉastecon de adulto. Oni povas scii tion, en kio oni estas, sed ne tion, en kio oni ne estas. Se oni ion scias, en kiu oni ne estas, per priskriboj, aŭ per pensoj, oni tamen ĝin scias neniel, krom kvazaŭ en la ombro, kaj necerteco estas en ĝi; kial, oni ne vidas ĝin en la lumo, kaj sen necerteco, krom kiam oni estas en ĝi. Tio ĉi, do, estas koni; sed la alia estas scii kaj ne koni. La vero estas, ke la malĉasteco de adulto kaj la ĉasteco de edzeco estas inter si tute kiel estas ĉielo kaj infero; kaj ke la malĉasteco de adulto faras inferon ĉe la homo, kaj ke la ĉasteco de edzeco faras ĉielon ĉe li. Sed la ĉasteco de edzeco ekzistas ĉe neniu, krom tiu, kiu evitas kiel pekon la malĉastecon de adulto. (Vidu pli poste n°n. 111).

77. De tiuj ĉi konsideroj oni povas konkludi kaj klare kompreni, ĉu homo estas Kristano aŭ ne; ĉu ja homo ian religion havas, aŭ ne. Tiu, kiu ne konsideras adultojn kiel pekojn en fido kaj vivo, nek estas Kristano, nek havas ian religion. Sed, kontraŭe, tiu, kiu evitas adultojn, kiel pekojn, kaj precipe tiu, kiu pro tio estas kontraŭ ili, kaj ankoraŭ pli tiu, kiu abomenas ilin, havas religion; kaj se li estas ano de la Kristana Eklezio, li estas Kristano. Vidu tion, kio estas dirita pri tiu ĉi temo en la verko pri *Ĉielo kaj Infero* (n°j. 366–386).

78. Ke per adulto ankaŭ estas signifata fari maldecajn agojn, paroli malĉastajn parolojn, kaj pensi malpurajn pensojn, aperas el la vortoj de la Sinjoro en Mateo :

> Vi estas aŭdintaj, ke estis dirite al ili en la antikva tempo, Vi ne adultu ; sed Mi diras al vi, ke se oni eĉ alrigardas virinon por karne avidi ŝin, tiu jam en sia koro adultis kun·ŝi (v. 27, 28).

79. Ke laŭ la spirita senco per adulto estas signifata la adulto de la bono de la Vorto, kaj falsi de ĝian veron, aperas el tiuj ĉi versaĵoj :

> Babilono devigis ĉiujn gentojn drinki la vinon de ŝia prostituo.—(Apok. xiv. 8).
> La anĝelo diris : mi al vi montros la juĝon de la granda prostituulino kiu sidas sur multaj akvoj ; kun kiu diboĉis la reĝoj de la tero.—(Apok. xvii. 1, 2).
> Babilono igis ĉiujn popolojn drinki la vinon de l' kolero de sia prostituo, kaj la reĝoj de l' tero diboĉis kun ŝi.—(Apok. xviii. 3).
> Dio estas juĝinta la grandan prostituulinon, kiu malpurigis la mondon per sia prostituado.—(Apok. xix. 2).

Prostituo estas aludata pri Babilono, ĉar per Babilono estas signifata tiuj, kiuj arogas al si la Dian potencon de la Sinjoro, kaj kiuj malsanktigas la Vorton, aliigante kaj falsante ĝin ; tial Babilono estas ankaŭ nomita "la patrino de la prostituoj kaj de la abomenaĵoj de la tero" (Apok. xvii. 5). Tion saman signifas prostituo ĉe la Profetoj ; kiel ĉe Jeremajo :

> Ĉe la profetoj de Jerusalemo mi vidis teruran obstinon ; adultadon kaj iradon laŭ mensogoj.—(xxiii. 14).

Ĉe Ezekielo :

> Du virinoj, du de unu sama patrino filinoj, prostituis sin en Egipto ; ili sin prostituis en sia juneco ; unu sin prostituis sub Mi ; kaj ŝi dorlotis siajn amantojn, la Asirianojn, siajn najbarojn ; al ili ŝi donis siajn prostituojn ; ŝi tamen ne forlasis siajn prostituojn en

Egiptujo. La alia malpurigis sian amon pli ol tiu, kaj ŝiajn prostituojn pli ol la prostituoj de sia fratino: ŝi aldonis al siaj prostituoj; ŝi amis la Ĥaldeanojn; la filoj de Babelo venis al ŝi al la lito de amoj, kaj ili malpurigis ŝin per sia prostituado.—(xxiii. 2–17).

Tiuj ĉi cirkonstancoj estas raportitaj pri la Izraela kaj Hebrea Eklezio, kiuj, en ĉi tiu citaĵo, estas la filinoj de unu sama · patrino. Per iliaj prostituoj estas signifataj la aliigado kaj falsigado de la Vorto; kaj kiel en la Vorto per Egiptujo estas signifata scienco, per Asirio rezonado, per Ĥaldeo la malsanktigo de vero kaj per Babelo la malsanktigo de bono, tial estas dirite, ke ili sin prostituis kun ili. Estas same dirite pri Jerusalemo, per kiu estas signifata la Eklezio, rilate al dogmoj, ĉe Ezekielo:

Vi estas fidinta je via beleco, kaj vin prostituis pro via famo, tiel, ke vi elverŝis viajn prostituojn sur ĉiu, kiu preterpasis. Vi prostituis vin kun la Egiptidoj, karne dikaj, kaj multobligis vian prostituadon. Vi vin prostituis kun la Aŝuridoj; kiam vi ne estis kontenta pri tiuj, kun kiuj vi vin prostituis, vi multobligis vian prostituadon eĉ ĝis Ĥaldeo, la lando de komercaĵoj. Adultulino, kiu akceptas fremdulojn, anstataŭ sian edzon; ĉiuj ili donas rekompencon al siaj prostitulinoj; sed vi donis rekompencojn al ĉiuj amantoj viaj, por ke ili venu al vi en la rondiro de viaj prostituoj. Kial, ho prostituulino, aŭskultu la vorton de Jehovo (xvi. 15, 26, 28, 29, 32, 33, 35).

Ke per Jerusalemo estas signifata la Eklezio, povas esti vidata en *La Dogmaro pri la Sinjoro* (n^oj. 62, 63). Similo estas signifata per prostituoj en Jesajo xxiii. 17, 18; lvii. 3; en Ĵeremajo iii. 2, 6, 8, 9; v. 1, 7; xiii. 27; xxix. 23; en Miĥa 1, 7; en Nahum iii. 4; en Hozeo iv. 10, 11; en Levitiko xx. 5; en Numeroj xiv. 33; xv. 39; kaj aliloke. Pro tiu ĉi signifo ankaŭ, la Hebrea nacio estis nomata de la Sinjoro "adultema generacio" (Mateo xii. 39; xvi. 4; Marko viii. 38).

## KE KIOM ONI EVITAS ĈIUSPECAJN ŜTELOJN KIEL PEKOJN, TIOM ONI AMAS SINCERECON.

80. Per ŝtelo laŭ la natura senco estas signifata ne nur ŝteli kaj rabi, sed ankaŭ trompi, kaj sub ia preteksto forpreni de aliulo lian havon. Sed per ŝtelo, laŭ la spirita senco, estas signifata, forpreni de aliulo la verojn de lia fido, kaj la bonojn de lia amemo. Laŭ la plej alta senco, per ŝtelo estas signifata, forpreni de la Sinjoro tion, kio estas Lia, kaj atribui ĝin al si mem, kaj tiel arogi pravecon kaj meriton, kiel sian propran. Tiuj ĉi estas ŝteloj ĉiuspecaj; kaj ili ankaŭ faras unuon, kiel faras ĉiuspecaj adultoj kaj ĉiuspecaj mortigoj, priparolitaj pli supre. Ili faras unuon pro tio, ke unu speco estas enmetata en la alia.

81. La malbono de ŝtelo eniras en homon pli profunde, ol alia ajn malbono, ĉar ĝi estas kunligata kun ruzeco kaj trompo; kaj ruzeco kaj trompo sin enŝovas eĉ en la spiritan menson de la homo, en kiu estas lia penso kune kun lia kompreno. Ke la homo posedas mensojn naturan kaj spiritan estos vidata poste.

82. Ke kiom oni evitas ŝtelon kiel pekon, tiom oni amas sincerecon, okazas ĉar ŝtelo estas ankaŭ trompo, kaj sincereco kaj trompo estas du maloj; tial, kiom oni ne estas en trompo, tiom oni estas en sincereco.

83. Per sincereco estas ankaŭ signifata honesteco, justeco, fideleco, kaj praveco. La homo ne povas esti per si mem en ĉi tiuj virtoj, tiel ke li amu ilin el ili kaj pro ili; sed kiu ajn evitas malhonestecon, ruzecon, kaj trompon, estas tial en la supre cititaj virtoj ne el si mem, sed el la Sinjoro, kiel estas montrite pli supre (n[oj.] 18–31). Estas tiel ĉe la pastro magistrato, juĝisto, negocisto, laboristo, ĉe ĉiu laŭ sia propra funkcio, kaj laŭ sia propra laboro.

84. Tion ĉi instruas diversloke la Vorto, inter kiuj la jenaj :—

> Tiu, kiu marŝas laŭ praveco kaj parolas pravaĵojn ; tiu, kiu malestimas la profiton de subpremoj, kiu deturnas siajn manojn de akcepto de subaĉeto ; tiu, kiu ŝtopas la orelojn, por ke li ne aŭdu sangojn, kaj fermas la okulojn, por ke li ne vidu malbonon ; tiu loĝos en la alteco.—(Jesajo xxxiii. 15, 16).
>
> Ho Jehovo ! kiu restos en Via tendo ? kiu loĝos en la monto de Via sankteco ? Tiu, kiu prave iras kaj faras pravaĵojn ; tiu, kiu ne malestimigas per sia lango, nek malbonfaras kontraŭ sia kunulo.—(Psalmo xv. 1–3).
>
> Miaj okuloj estos al la fideluloj de tiu ĉi lando, por ke ili loĝadu kun Mi ; kiu marŝas laŭ la vojo de la pravuloj, tiu servos Min. Tiu, kiu trompadas, ne loĝos en la mezo de Mia domo ; tiu, kiu mensogas, ne staros antaŭ Miaj okuloj. Matene mi forpelos ĉiujn malbonulojn de la lando, por ke mi forpelu de la urbo ĉiujn, kiuj faras malpravaĵojn.—(Psalmo ci. 6–8).

Ke se iu ne estas interne sincera, justa, fidela kaj honesta, li eĉ estas malsincera, maljusta, malfidela kaj malhonesta, la Sinjoro instruas per ĉi tiuj vortoj :

> Escepte ke via praveco estu pli granda ol tiu de la Skribistoj kaj Fariseoj, vi ne eniros la regnon de la ĉieloj.—(Mateo. v. 20).

Per praveco, kiu estas pli granda ol tiu de la Skribistoj kaj Fariseoj, estas signifata interna praveco, en kiu estas la homo kiu estas en la Sinjoro. Ke tia homo estas en la Sinjoro, Li mem ankaŭ instruas ĉe Johano :

> La gloro, kiun Vi donis al Mi, Mi donis al ili ; por ke ili estu unu eĉ kiel Ni estas unu ; Mi en ili kaj Vi en Mi, ke ili estu perfektigataj en unu ; kaj por ke la amo, per kiu Vi amis Min, povas esti en ili, kaj Mi en ili (xvii. 22, 23, 26).

De tio estas klare, ke ili estas perfektaj, kiam la Sinjoro estas en ili. Estas ĉi tiuj, kiuj estas nomataj la " kore puraj, kiu vidos Dion," kaj " la perfektuloj, *kiel ilia* Patro en la ĉieloj " (Mateo v. 8, 48).

85. Estis dirite pli supre (n°. 81) ke la malbono de ŝtelo eniras en homon pli profunde, ol alia ajn malbono, ĉar ĝi estas kunligata kun ruzo kaj trompo; kaj ruzo kaj trompo sin enŝovas eĉ en la spiritan menson de la homo, en kiu estas lia penso kune kun la kompreno. Io, do, estos nun dirata pri la homa MENSO. Ke lia kompreno kaj volo kune formas la menson de la homo, vidu pli supre (n°. 43).

86. La homo havas menson naturan, kaj menson spiritan; la natura menso estas suba kaj la spirita menso estas supera; la natura menso estas la menso de lia mondo, kaj la spirita menso estas la menso de lia ĉielo. La natura povas esti nomata la besta menso; kaj la spirita, la homa menso. Pro tiu ĉi cirkonstanco ankaŭ, ke li havas homan menson, la homo estas distingata de besto. Per tiu ĉi menso li kapablas esti en la ĉielo, dum li estas ankoraŭ en la mondo. Estas ankaŭ per tiu ĉi menso, ke la homo vivas post la morto.

Rilate al sia kompreno, homo povas esti en sia spirita menso, kaj tial en ĉielo; sed rilate al sia volo, li ne povas esti en sia spirita menso, kaj tial en ĉielo, se li ne evitas malbonojn, kiel pekojn. Kaj se li ne estas en ĉielo ankaŭ rilate al sia volo, li ankoraŭ ne estas en la ĉielo; ĉar la volo altiras malsupren la komprenon, kaj igas ĝin fariĝi egale natura kaj besta kun si mem.

La homo povas esti komparata kun ĝardeno, la kompreno kun lumo, kaj la volo kun varmo. Vintre ĝardeno estas en lumo kaj ne samtempe en varmo; sed somere ĝi estas en lumo kaj varmo samtempe. Kaj tiel homo, kiu estas nur en la lumo de kompreno, similas ĝardenon en la vintra sezono; sed tiu, kiu estas en la lumo de kompreno kaj samtempe en la varmo de volo, similas ĝardenon en la somersezono. Plie, la kompreno estas saĝa pro spirita lumo, kaj la volo amas pro spirita varmo; tial, ke spirita lumo estas Dia Saĝo, kaj spirita varmo estas Dia Amo.

Dum homo ne evitas malbonojn kiel pekojn, la deziroj al malbonoj malhelpas la internojn de la natura menso, de l' parto de la volo; ili estas kvazaŭ densa vualo tie, kaj kiel nigra nubo sub la spirita menso, kaj malhelpas ĝian malfermiĝon. Sed tuj kiam homo evitas malbonojn, kiel pekojn, tiam la Sinjoro enfluas el ĉielo, kaj forprenas la vualon, kaj forpelas la nubon, kaj malfermas la spiritan menson, kaj tiel enkondukas la homon en ĉielon.

Dum la deziroj al malbonoj tiel obstrukcas la internojn de la natura menso, kiel estas dirite, homo estas en infero; sed tuj kiam tiuj ĉi deziroj estas forpelitaj de la Sinjoro, la homo estas en ĉielo. Plie, dum la deziroj al malbonoj obstrukcas la internojn de la natura menso, la homo estas natura homo, sed tuj kiam tiuj deziroj estas forpelitaj de la Sinjoro, li estas spirita homo. Plue, dum la deziroj al malbonoj obstrukcas la internojn de la natura menso, la homo estas besto malsimila al bestoj nur pro tio, ke li povas pensi kaj paroli eĉ pri tiuj aferoj, kiujn li ne povas okule vidi, kion li kapablas fari pro la povo plialtigi la komprenon en la lumon de ĉielo; sed tuj kiam tiuj ĉi deziroj estas forpelitaj de la Sinjoro, la homo fariĝas homo, pro tio, ke li tiam pensas veron en la kompreno, el bono en la volo. Ankaŭ plie, dum la deziroj al malbono obstrukcas la internojn de la natura menso, homo similas ĝardenon en la vintra sezono; sed tuj kiam ĉi tiuj deziroj estas forpelitaj de la Sinjoro, li similas ĝardenon en la somersezono.

La kuniĝo de la volo kaj la kompreno ĉe homo estas en la Vorto signifata per la koro kaj animo, kaj per la koro kaj spirito; kiel kie estas dirite, ke Dio estas aminda "tutkore, kaj tutanime" (Mateo xxii. 37), kaj ke Dio donos "novan koron kaj novan spiriton" (Ezekielo xi. 19; xxxvi. 26, 27). Per la koro estas signifata la volo kaj ĝia amo; kaj per la animo kaj spirito, la kompreno kaj ĝia saĝo.

KE KIOM ONI EVITAS ĈIUSPECAN FALSAN ATESTON, KIEL PEKON, TIOM ONI AMAS VERON.

87. Per falsa atestado, laŭ la natura senco, ne nur signifas false atesti, sed ankaŭ mensogi kaj kalumnii. Laŭ la spirita senco per falsa atestado estas signifata diri kaj kredigi, ke falsaĵo estas vero, kaj ke malbono estas bono, kaj male. Sed, laŭ la plej alta senco, per falsa atestado estas signifata blasfemi kontraŭ la Sinjoro kaj la Vorto. Ĉi tiuj signifas falsa atestado, laŭ la triobla senco. Ke ili faras unuon ĉe la homo, kiu false atestas, mensogas, kaj kalumnias, povas aperi de tio, kio estas montrita en *La Dogmaro pri la Sanktaj Skriboj* (n^oj. 5–7 sekv. kaj 57) pri la triobla senco de ĉiuj aferoj en la Vorto.

88. Pro tio, ke mensogo kaj vero estas du kontraŭoj, sekvas ke, kiom oni evitas mensogon kiel pekon, tiom oni amas la veron.

89. Kiom oni amas veron, tiom oni deziras ĝin koni, kaj tiom oni estas kortuŝata kiam oni trovas ĝin; nek iu alia atingas saĝon. Kaj kiom oni amas fari la veron, tiom oni sentas la agrablecon de la lumo, en kiu estas la vero. Estas simile ĉe la aliaj virtoj ĝis nun nomitaj; tiel ĉe sincereco kaj justeco ĉe tiu, kiu evitas ŝtelojn ĉiajn; pri ĉasteco kaj pureco ĉe tiu, kiu evitas adultojn ĉiajn; kaj pri amo kaj bonfaro ĉe tiu, kiu evitas mortigojn ĉiajn; kaj tiel plu. Sed tiu, kiu estas en iliaj maloj ne scias ion pri ili, kiam tamen eĉ ĉio estas en ili.

90. Estas la vero, kiu estas signifata per la semo en la kampo, pri kiu la Sinjoro tiele parolas:

> La semisto foriris por semi: kaj dum li semis, iom falis sur la vojon, kaj ĝi estis subpremegata, kaj la flugantaĵoj de la ĉielo elmanĝis ĝin, kaj iom falis sur ŝtonplenajn lokojn, sed tuj kiam ĝi ekkreskis, ĝi velkis, ĉar ĝi ne havis radikon; kaj aliaj falis inter dornojn, kaj la dornoj kreskis ĉirkaŭ ĝi kaj sufokis ĝin; kaj

aliaj falis sur bonan teron, kaj kiam ĝi estis ekkreskinta, ĝi multoble produktis fruktojn.—(Luko viii. 5-8; Mateo xiii. 3-8; Marko iv. 3-8).

La semisto ĉi tie estas la Sinjoro, kaj la semo estas Lia Vorto, tial la vero; la semo sur la vojo estas ĉe tiuj, kiuj ne sin okupas pri vero; la semo sur ŝtonplenaj lokoj estas ĉe tiuj, kiuj sin okupas pri la vero, sed ne pro ĝi mem, tial ne interne; la semo inter dornoj estas ĉe tiuj, kiuj estas en la deziroj al malbono; sed la semo sur bona tero estas ĉe tiuj, kiuj el la Sinjoro amas la verojn, kiuj estas en la Vorto, kaj, pro Li, ilin faras, kaj tial fruktoportas. Ke tiuj ĉi estas signifataj aperas de la klarigo de tiuj ĉi vortoj de la Sinjoro Mem (Mateo xiii. 19–23, 37; Marko iv. 14–20; Luko viii. 11–15). De tiuj ĉi konsideroj estas evidente, ke la vero de la Vorto ne povas enradikiĝi ĉe tiuj, kiuj ne sin okupas pri la vero; nek ĉe tiuj, kiuj amas la veron nur ekstere, kaj ne interne; nek ĉe tiuj kiuj estas en la deziroj al malbono; sed ĉe tiuj, en kiuj deziroj al malbono estas forpelitaj de la Sinjoro. Ĉe tiuj ĉi la semo, tio estas la vero, enradikiĝas en ilia spirita menso (pri kio vidu pli supre, n°. 86 ĉe la fino).

91. Estas hodiaŭ komuna opinio, ke por saviĝi, oni kredu ĉi tion aŭ tion, kion instruas la Eklezio; kaj ke saviĝo ne konsistas el la farado de la ordonoj de la Dekalogo, kiuj estas, ne mortigi, ne adulti, ne ŝteli, ne false atesti, ne nur laŭ limigata sed ankaŭ laŭ larĝampleksa senco.

Ĉar estas dirite, ke ne faroj estas de Dio rigardataj, sed fido; kiam tamen kiom oni estas en tiuj malbonoj, tiom li estas sen fido (vidu pli supren n°j. 42–52). Konsiliĝu kun rezono, kaj konsideru ĉu iu mortigisto, adultisto, ŝtelisto, aŭ falsa atestanto povas havi fidon, dum li estas en la deziro al tiuj malbonoj; kaj tiam, ĉu la deziro al tiuj malbonoj povas *esti alie* forpelataj, ol per nevolo ilin fari pro tio, ke

ili estas pekoj; tio estas pro tio, ke ili estas inferaj kaj diablaj. Kiu ajn do supozas, ke la vojo al saviĝo estas kredi ĉi tion aŭ tion, kion instruas la Eklezio, kaj tamen havas tian karakteron, tiu ne povas ne esti sensaĝa, laŭ la vortoj de la Sinjoro ĉe Mateo (vii. 26). Tia Eklezio estas tiel priskribata en Jeremajo:

> Staru en la pordego de la domo de Jehovo, kaj tie proklamu ĉi tiun vorton: Tiel parolis Jehovo Cabaota, la Dio de Izraelo, bonigu viajn vojojn kaj viajn farojn. Ne konfidu la vortojn de mensogo, dirante, La templo de Jehovo, la templo de Jehovo, la templo de Jehovo, estas ĉi tiuj. Ĉu vi ŝtelos, mortigos, kaj adultos, kaj ĵuros laŭ mensogo, . . . kaj venos kaj staros antaŭ Mi en tiu ĉi domo, sur kiu Mia nomo estas nomata, kaj diros, Ni estas savitaj; dum vi faradas tiujn abomenojn? Ĉu tiu ĉi domo estas fariĝinta nesto de rabistoj? Eĉ Mi, jen, estas vidinta, diras Jehovo.—(vii. 2-4, 9-11).

KE NENIU POVAS EVITI MALBONOJN KIEL PEKOJN, TIEL KE LI INTERNE MALAMU ILIN, KROM PER BATALOJ KONTRAŬ ILI.

92. Ĉiu scias per la Vorto, kaj per instruo de la Vorto, ke la homa proprio estas malbona jam de naskiĝo; kaj ke tial okazas, ke pro ennaskitaj deziroj la homo amas malbonojn, kaj estas portata en ilin, kiel ekzemple, ke li volas venĝi, volas kalumnii, volas adulti. Kaj se li ne pensas, ke tiuj malbonoj estas pekoj kaj pro tio ilin kontraŭstaras, li faras ilin tiel ofte, kiel sin prezentas la okazo, kaj lia honoro kaj profito ne suferas. Al ĉi tio aldonu, ke se homo neniun religion havas, li faradas tiujn ĉi pro plezuro.

93. Tial ke tiu ĉi proprio de homo konsistigas la unuan radikon de lia vivo, estas evidente, kia speco de arbo homo estus, se tiu radiko ne estus forigita, kaj nova radiko enmetita. Li estus kaduka arbo, pri kiu estas dirite, ke ĝi estas dehakota, kaj ĵetota en fajron (Mateo iii. 10; vii. 19). Tiu ĉi radiko ne estas forigata kaj nova enmetata, se la homo ne konsideras

la malbonojn, kiuj konsistigas tiun ĉi radikon, kiel kondamnigan kontraŭ sia animo, kaj pro tio deziras ilin formeti. Sed tial ke ili estas el lia proprio, kaj pro tio, plezurdonaj, li ne povas tion fari, krom nevolonte kaj baraktante, tial, kun batalo.

94. Ĉiu, kiu kredas, ke estas infero kaj ĉielo, kaj ke ĉielo estas ĉiama feliĉeco, kaj ke infero estas ĉiama malfeliĉeco, kaj kiu kredas, ke tiuj, kiuj malbonfaras iras inferon, kaj kiuj bonfaras iras ĉielon, tiu ekbatalas; kaj tiu, kiu batalas, agas laŭ interno, kaj kontraŭ la deziro mem, kiu konsistigas la radikon de malbono; ĉar tiu, kiu kontraŭ io baraktas, ne deziras ĝin, kaj avidi estas deziri. Pro tio estas evidente, ke la radiko de malbono povas nur pro batalado esti forigata.

95. Kiom do iu kontraŭbatalas kaj forigas malbonon, tiom bono okupas ĝian lokon; kaj kiom li pro bono elrigardas malbonon en la vizaĝon, kaj tiam vidas, ke ĝi estas infera kaj abomena, tiom li ne nur evitas ĝin, sed ankaŭ ĝin malamas, kaj fine abomenas.

96. La homo, kiu kontraŭbatalas malbonojn, ne povas barakti krom kvazaŭ el si mem; ĉar tiu, kiu ne batalas el si mem, tute ne batalas, sed staras kvazaŭ aŭtomatulo, vidante nenion, kaj farante nenion; kaj el malbono li konstante pensas pro malbono, kaj ne kontraŭ ĝi. Sed tamen devas esti bonekonate, ke la Sinjoro sola batalas en la homo kontraŭ malbonoj, kaj ke nur ŝajnas al la homo kvazaŭ li el si mem batalas; kaj ke la Sinjoro volas, ke tiel ŝajnu al la homo, ĉar sen tiu ŝajno ne povus esti ia batalo, kaj tial nenia reformiĝo.

97. Tiu ĉi batalo ne estas grava, krom ĉe tiuj, kiuj malligis ĉiujn ligojn je siaj deziroj, kaj intence ilin indulgis; kaj ankaŭ ĉe tiuj, kiuj obstine forĵetis la sanktaĵojn de la Vorto kaj de la Eklezio. Ĉe aliaj tamen ĝi grava ne estas; ili intence kontraŭbatalu malbonojn, nur po unu fojo en semajno, aŭ po du fojoj en monato, kaj ili konstatos ŝanĝon.

98. La Kristana Eklezio estas nomata la Eklezio militanta; kaj ĝi ne povas esti nomata militanta, escepte kontraŭ la diablo, tial kontraŭ la malbonoj kiuj estas el la infero: la diablo infero estas. La tento, kiun Ekleziano suferas, estas tiu ĉi batalo.

99. Bataloj kontraŭ malbonoj, kiuj estas tentoj, estas pritraktataj multloke en la Vorto. Ili estas signifataj per ĉi tiuj vortoj de la Sinjoro:

> Mi diras al vi, Escepte ke tritikero enfalas en la teron kaj mortas, ĝi restas sola kun si; sed se ĝi mortas, ĝi multan frukton produktas.—(Johano xii. 24).

Ankaŭ per ĉi tiuj:

> Kiu ajn volus Min sekvi, li neniigu sin, kaj prenu sian krucon kaj sekvu Min. Kiu ajn volus savi al si la animon ĝin perdos; sed kiu ajn sian animon perdos pro Mi kaj pro la Evangelio, tiu sama ĝin savos.—(Marko viii. 34, 35).

Per la kruco estas signifata tento (kiel ankaŭ ĉe Mateo x. 38; xvi. 24; Marko x. 21; Luko xiv. 27); per la animo estas signifata la vivo de la homa proprio (kiel ankaŭ ĉe Mateo x. 39; xvi. 25; Luko ix. 24; kaj precipe Johano xii. 25), kiu ankaŭ estas la vivo de la karno, kiu nenion profitas (Johano vi. 63). Pri bataloj kontraŭ malbonoj kaj venkoj super ili, la Sinjoro parolas al ĉiuj Eklezioj en la Apokalipso. Tial al la Eklezio en Efezo:

> Al tiu, kiu venkos, Mi donos por manĝi de la arbo de la vivo, kiu estas en la mezo de la paradizo de Dio.—(Apok. ii. 7). Al la Eklezio en Smyrno: "Tiu, kiu venkos, ne suferos kondamnon en la dua morto.—(Apok. ii. 11). Al la Eklezio en Pergamo: "Al tiu, kiu venkos, Mi donos por manĝi da la kaŝita manao; kaj Mi donos al li blankan ŝtonon, kaj sur la ŝtono novan nomon skribitan, kiun neniu konas, krom tiu, kiu ĝin ricevas."—(Apok. ii. 17). Al la Eklezio en Thyatiro: "Tiu, kiu venkas kaj observas Miajn farojn ĝis la fino, al tiu Mi donos potencon super la gentoj, kaj la stelon de la mateno."—(Apok. ii. 26-28). Al la

Eklezio en Sardiso: "Tiu, kiu venkas, estos vestata per blankaj vestoj, kaj Mi konfesos lian nomon antaŭ Mia patro kaj antaŭ Liaj anĝeloj."—(Apok. iii. 5). Al la Eklezio en Filadelfio: "Tiun, kiu venkas, Mi faros kolono en la templo de Mia Dio, kaj Mi skribos sur lin la nomon de Dio, kaj la nomon de la urbo de Dio, la Nova Jerusalemo, kiu malsupreniras de la ĉielo el Dio, kaj Mian novan nomon."—(Apok. iii. 12). Al la Eklezio en Laodiceo: "Al tiu, kiu venkas, Mi permesos sidi kun Mi en Mia trono."—(Apok. iii. 21).

100. Tiuj ĉi bataloj, kiuj estas tentoj, povas esti vidataj detale pritraktataj en *La Dogmaro pri la Nova Jerusalemo* eldonita en Londono en la jaro 1758 (n^oj. 187–201); el kie kaj kiaj ili estas (n^oj. 196, 197); kiel kaj kiam ili okazas (n^o. 198); kian bonon ili efektivigas (n^o. 199); ke la Sinjoro batalas por la homo (n^o. 200); pri la bataloj aŭ tentoj de la Sinjoro (n^o. 201).

## KE LA HOMO DEVAS EVITI MALBONOJN KIEL PEKOJN, KAJ BATALI KONTRAŬ ILI, KVAZAŬ EL SI MEM.

101. Estas el Dia ordo, ke la homo agu de libereco laŭ prudento; ĉar agi de libereco laŭ prudento estas agi el si mem. Tamen ĉi tiuj du kapabloj, Libereco kaj Prudento, ne estas propraj al la homo, sed estas de la Sinjoro, kun li; kaj tiom, kiom li estas homo, ili ne estas forprenataj de li, ĉar sen ili li ne povas esti reformata; ĉar (sen ili) li ne povas pentofari, li ne povas kontraŭbatali malbonojn, kaj poste produkti fruktojn, indajn je pentofaro. Nu, ĉar homo liberecon havas kaj prudenton el la Sinjoro kaj homo agas pro ili, sekvas, ke li ne agas el si mem, sed kvazaŭ el si mem.

102. La Sinjoro amas la homon, kaj volas loĝi kun li; Li tamen ne povas ami lin kaj loĝi kun li se Li ne estas mem akceptata kaj amata reciproke: de tio, kaj nur de tio, estas kuniĝo. Pro tio la Sinjoro donis

al la homo liberecon kaj prudenton; liberecon, pensi kaj voli kvazaŭ el si mem, kaj prudenton, laŭ kiu li povas pensi kaj voli. Ami kaj kuniĝi kun iu, kun kiu ne estas reciprokeco, estas neeble; nek estas eble eniri en kaj resti kun iu, ĉe kiu ne estas ia akcepto. Pro tio ke akcepto kaj reciprokeco estas en homo de la Sinjoro, tial la Sinjoro diras:

> Restu en Mi, kaj Mi en vi.—(Johano xv. 4).
> Kiu restas en Mi kaj Mi en li, portas multan frukton.—(Johano xv. 5).
> En tiu tago vi scios, ke vi en Mi kaj Mi en vi.—(Johano xiv. 20).

Ke la Sinjoro estas en la veroj, kaj en la bonoj kiujn la homo ricevas, kaj kiuj estas en li, la Sinjoro ankaŭ instruas:

> Se vi restas en Mi, kaj Miaj vortoj restas en vi: se vi plenumas Miajn ordonojn, vi restos en Mia amo.—(Johano xv. 7, 10).
> Kiu havas miajn ordonojn kaj faras ilin, tiu amas Min, kaj Mi amos lin, kaj loĝos kun li.—(Johano xiv. 21, 23).

La Sinjoro tiel loĝas en tio, kio estas Lia, ĉe la homo; kaj la homo en tiuj aferoj, kiuj estas el la Sinjoro, kaj tial en la Sinjoro.

103. Pro tio, ke tiu ĉi kapablo reciproki aŭ ne, kaj de tio, komuneco, estas ĉe homo el la Sinjoro, tial la Sinjoro diras, ke la homo devas penti; kaj neniu povas penti, krom el si mem:

> Jesuo diris: Escepte ke vi pentofaros, vi ĉiuj pereos.—(Luko xiii. 3, 5).
> Jesuo diris: La regno de Dio apudestas: pentu kaj kredu je la Evangelio.—(Marko i. 15).
> Jesuo diras: Mi estas veninta por alvoki pekantojn al pentofaro.—(Luko v. 32).
> Jesuo diris al la Eklezioj, Pentu.—(Apok. ii. 5, 16, 21–22; iii. 3).

Ankoraŭ:

> Ili ne pentofaris pri siaj faroj.—(Apok. xvi. 11).

104. Pro tio, ke tiu ĉi kapablo reciproki aŭ ne, kaj de tio, komuneco, estas ĉe homo el la Sinjoro. tial la Sinjoro diras, ke la homo devas obei la ordonojn, kaj devas produkti fruktojn:

Kial vi nomas Min Sinjoro, Sinjoro, kaj ne faras la aferojn, kiujn mi ordonas?—(Luko vi. 46-49).
Se vi konas ĉi tiujn aferojn, benitaj vi estas, se vi faras ilin.—(Johano xiii. 17).
Vi estas Miaj amikoj, se vi faras la aferojn, kiujn Mi ordonas al vi.—Johano xv. 14).
Kiu ajn faros kaj instruos, tiu estos nomata eminenta en la regno de la ĉieloj.—(Mateo v. 19).
Ĉiun, kiu aŭdas Miajn vortojn kaj faras ilin, Mi komparos kun prudentulo.—(Mateo vii. 24).
Produktu fruktojn indajn je pento.—(Mateo iii. 8).
Bonigu la arbon, kaj ĝian frukton.—(Mateo xii. 33).
La regno estos donata al gento produktanta ĝiajn fruktojn.—(Mateo xxi. 43).
Ĉiu arbo, kiu ne produktas (bonan) frukton estas dehakata, kaj ĵetata en fajron.—(Mateo vii. 19).

Kaj multfoje aliloke. Pro ĉi tiuj citaĵoj estas evidente, ke la homo agas el si mem, sed per la potenco de la Sinjoro, kiun li devus petegi; kaj tiu ĉi estas agi, kvazaŭ el si mem.

105. Pro tio, ke tiu ĉi kapablo reciproki aŭ ne, kaj de tio komuneco, estas kun la homo el la Sinjoro, tial la homo devas redoni konton pri siaj faroj; kaj esti rekompencata laŭ ili; ĉar diras la Sinjoro:

La Filo de l'Homo venos kaj redonos al ĉiu laŭ liaj faroj.—(Mateo xvi. 27).
Tiuj, kiuj faris bonojn, foriros en la reviviĝon de la vivo; kaj tiuj, kiuj faris malbonojn, en la reviviĝon de juĝo.—(Johano v. 29).
Iliaj faroj ja sekvas kun ili.—(Apok. xiv. 13).
Ili estis juĝataj laŭ siaj faroj.—(Apok. xx. 13).
Jen, Mi venas; kaj Mia rekompenco estas kun Mi, por doni al ĉiu, laŭ sia faro.—(Apok. xxii. 12).

Se estus ĉe la homo nenia kapablo de reciproko, ne povus esti ia imputo.

106. Pro tio, ke estas akcepto kaj reciprokeco ĉe la homo, tial la Eklezio instruas, ke la homo devas sin esplori, siajn pekojn konfesi antaŭ Dio, ĉesigi ilin, kaj alpreni novan vivmanieron. Ke ĉiu Eklezio en la Kristana mondo faras tion ĉi, vidu pli supre (n^oj. 3–8).

107. Se ne estus akcepto je la parto de la homo, kaj tiam poste penso kvazaŭ el si mem, nenio povus esti dirita pri fido; ĉar nek estas la fido el la homo. La homo alie estus kvazaŭ tritika ŝelo en vento, kaj starus kvazaŭ senviva, kun malfermita buŝo kaj mal-suprenpendantaj manoj, atendanta influon, nenion pensante kaj nenion farante pri tiuj aferoj, kiuj rilatas lian saviĝon. Li ja nenion faras pri tiuj aferoj (el si mem) sed tamen li reagas kvazaŭ el si mem.

Sed tiuj ĉi temoj estos elmontrataj en ankoraŭ pli klara lumo en la traktatoj pri Anĝela Saĝo.

## KE SE ONI EVITAS MALBONOJN PRO IA ALIA KAŬZO, KROM TIO, KE ILI ESTAS PEKOJ, ONI NE EVITAS ILIN, SED NUR MALHELPAS AL ILI APERI ANTAŬ LA MONDO.

108. Estas moralaj homoj, kiuj obeas al la ordonoj de la dua tabulo de la Dekalogo, kiuj ne trompas, ne blasfemas, ne venĝas, ne adultas; kaj kiuj el ili certigas al si, ke aferoj estas malbonaj, pro tio, ke ili malhelpas al la komunumo, kaj pro tio, kontraŭas al la leĝoj de la homaro, tiuj ankaŭ ekzercas bonfaron, sincerecon, justecon, kaj ĉastecon. Sed se ili tiujn ĉi bonojn faras kaj evitas tiujn malbonojn nur pro tio, ke ili estas malbonoj, kaj ne samtempe pro tio, ke ili estas pekoj, ili ankoraŭ estas nur naturaj; kaj ĉe tiuj, kiuj estas nur naturaj, la radiko de la malbono restas ankoraŭ enradikita, kaj ne estas forigita; kial la

bonoj, kiujn ili faras, ne estas bonoj, ĉar ili estas el ili mem.

109. Natura morala homo povas ŝajni antaŭ la mondo tute kiel spirita morala homo; sed ne antaŭ la anĝeloj en ĉielo.

Antaŭ la anĝeloj en ĉielo, se li estas en bonoj li ŝajnas kvazaŭ statuo el ligno, kaj se li estas en veroj, kvazaŭ statuo el marmoro, en ambaŭ kiuj ne estas ia vivo. Estas alie rilate al la spirita morala homo. Ĉar la natura morala homo estas ekstere morala, kaj la spirita morala homo estas interne morala; kaj la ekstero sen la interno ne estas vivanta. Ĝi ja vivas, sed ne la vivon, kiu estas nomata vivo.

110. La deziroj al malbonoj, kiuj konstituas la internojn de la homo jam de naskiĝo, ne estas forigataj, escepte de la Sinjoro sole. Ĉar la Sinjoro enfluas de la Spirita en la Naturan, sed la homo el si mem de la Natura en la Spiritan; kaj ĉi tiu enfluo estas kontraŭorda kaj ne agas laŭ deziroj nek forigas ilin, sed ilin enfermas pli kaj pli, laŭ tio, ke li sin certigas. Kaj tial ke heredita malbono tiel enfermata kuŝas kaŝita; post la morto, kiam la homo spirito fariĝas, ekkrevas la kovrilo, sub kiu ĝi estis kaŝita en la mondo kaj elrompas kiel elfluaĉo de ulcero nur ekstere kuracita.

111. Estas multaj kaj diversaj kaŭzoj kiuj igas la homon morala laŭ ekstero; sed se li ne estas morala laŭ la interno ankaŭ, li tamen ne estas morala. Ekzemple: Se iu abstinencas de adultoj kaj prostituoj pro timo al la civila leĝo kaj ĝiaj punoj; pro timo al perdo de famo, kaj de tio, de honoro; pro timo al malsanoj pro ili; pro timo al malpaciĝoj hejme kun sia edzino, kaj de tio maltrankvileco de vivo; pro timo al venĝo de la edzo aŭ parencoj; pro malriĉeco aŭ avareco; pro sensaĝeco ĉu el malsano, ĉu el malbonuzo, ĉu de aĝo, ĉu de senpovo; ja se li abstinencas de tiuj malbonoj pro ia naturala aŭ morala leĝo, kaj

ne samtempe pro spirita leĝo, li ankoraŭ estas interne adultulo kaj prostituulo; ĉar li ne malpli kredas, ke ili ne estas pekoj, kaj de tio li spirite faras ilin ne kontraŭleĝaj antaŭ Dio, kaj tial spirite faras ilin, kvankam ne antaŭ la mondo en la korpo; pro tio post la morto, kiam li fariĝas spirito, li malkaŝe priparolas ilin favore. De tiuj ĉi konsideroj estas evidente, ke malbona homo povas eviti malbonojn, kiel malutilajn; sed ke neniu krom Kristano povas eviti malbonojn, kiel pekojn.

112. Estas simile ĉe ŝteloj kaj trompoj ĉiuspecaj; ĉe mortigoj kaj venĝoj ĉiaj; kaj pri falsa atestado kaj mensogoj ĉiaj; neniu povas esti lavata kaj purigata pri ĉi tiuj el si mem; ĉar en ĉiu deziro estas sennombraj aferoj, kiujn la homo vidas nur kiel unu, sed la Sinjoro vidas la plej malgrandajn erojn de la tuta serio. Unuvorte, la homo ne povas renaskigi sin mem, tio estas, en si mem formigi novan koron kaj novan spiriton, sed sole la Sinjoro, kiu estas Mem la Reformanto kaj Renaskiganto; pro tio, se la homo volas renovigi sin el sia propra prudento kaj inteligenteco, tio nur similas la pentrigon de malformata vizaĝo, kaj la aplikado de puriga kuracilo ĉe loko interne putranta.

113. Pro tio, la Sinjoro diras ĉe Mateo:

> Vi blinda Fariseo, unue purigu la internon de la pokalo kaj de la telero, por ke la ekstero ankaŭ puriĝu.—(xxiii. 26).

Kaj ĉe Jesajo:

> Lavu vin, purigu vin, forigu la malboneeon de viaj faroj de antaŭ Miaj okuloj; ĉesigu malbonfaradon kaj tiam, se viaj pekoj estus kiel skarlataj, ili fariĝos blankaj kiel neĝo, se ili estus ruĝaj kiel karmezino, ili estos kiel lano.—(i. 16, 18).

* * * * *

114. Al tio, kio estas ĉisupre dirite, aldonu la sekvantajn vortojn :—

i. Kristana bonfarado, ĉe ĉiu, konsistas el la fidela plenumado de la devoj de lia metio; ĉar tiel, se li evitas malbonojn kiel pekojn, li ĉiutage faras bonojn, kaj estas mem sia propra utileco en la komunumo; ankaŭ tiel por la komuna bono estas provizata, kaj por tiu de ĉiu individuo detale.

ii. Aliaj faroj ne estas ĝuste faroj de amemo, sed estas aŭ ĝiaj signoj aŭ ĝiaj bonfaroj, aŭ ĝiaj devoj.

CHATHAM : W. & J. MACKAY & CO., LTD.

# LA TEOLOGIAJ VERKOJ DE
# EMANUEL SWEDENBORG.

ARCANA COELESTIA. La Ĉielaj Misteroj enhavataj en la Sanktaj Skriboj aŭ Vorto de La Sinjoro, malkaŝataj per klarigo de Geneso kaj Eksodo: kune kun rakonto pri la mirindaĵoj viditaj en la Mondo de l' Spiritoj kaj en la Ĉielo de la Anĝeloj.

(Latine, 13 volumoj po 1 sm. 25 sd.; Angle, 12 volumoj po 1 sm. 25 sd.; France, 16 volumoj po 2 sm. 50 sd.; Germane, 16 volumoj po 2 sm.; Svede, 14 volumoj po 2 sm.).

LA ĈIELO KAJ ĜIAJ MIRINDAĴOJ, KAJ LA INFERO. Aferoj aŭditaj kaj viditaj.

(Latine, 3 sm. 25 sd.; Angle, 1 sm. & 75 sd.; France, 3 sm.; Germane, 2 sm.; Dane, 1 sm. 50 sd.; Itale, 2 sm.; Svede, 2 sm.; Pole, 2 sm.; Kimre, 1 sm.; Holande, 1 sm. 50 sd.; Hinde, 2 sm.; Arabe, 1 sm. 50 sd.).

LA LASTA JUĜO, kaj la Babilono Detruita. Aferoj aŭditaj kaj viditaj.

(Latine, 3 sm. 25 sd.; Angle, 75 sd.; France, 1 sm. 15 sd.; Germane, 1 sm.).

PRI LA BLANKA ĈEVALO, citita ĉe la Apokalipso, kun resumo el la Ĉielaj Misteroj pri la Vorto, kaj ĝia spirita aŭ interna senco.

(Angle, 25 sd.; France, 40 sd.; Germane, 50 sd.; Svede, 40 sd.).

LA MONDOJ ĈE NIA SUNSISTEMO nomataj planedoj, kaj la mondoj en la stelplenaj ĉieloj; iliaj enloĝantoj, kaj la Spiritoj kaj Anĝeloj tie.

(Angle, 75 sd.; France, 75 sd.; Germane, 1 sm.; Svede, 1 sm.; Itale, 1 sm. 25 sd.).

LA NOVA JERUSALEMO KAJ ĜIA ĈIELA DOGMARO, laŭ tio, kio estas aŭdita el la Ĉielo.

(Latine, 3 sm. 25 sd.; Angle, 75 sd. & 50 sd.; France, 75 sd.; Germane, 1 sm.; Svede, 75 sd.; Dane, 25 sd.; Itale, 50 sd.; Ruse, 50 sd.; Kimre, 50 sd.; Holande, 40 sd.).

ANĜELA SAĜO PRI LA DIA AMO KAJ LA DIA SAĜO.

(Latine, 3 sm. 25sd.; Angle, 75 sd.; France, 1 sm. 25 sd.; Germane, 1 sm. 50 sd.; Dane, 50 sd.; Itale, 1 sm. 50 sd.; Islanda, 1 sm. 20 sd.).

LA KVAR DOGMAROJ DE LA NOVA EKLEZIO: (i.), La Sinjoro; (ii.), La Sanktaj Skriboj; (iii.), La Vivo; (iv.), La Fido.
(Latine, 3 sm. 25 sd.; Angle, 1 sm.; France, 2 sm.; Germane, 1 sm. 50 sd.).

ANĜELA SAĜO PRI LA DIA ANTAŬZORGO.
(Latine, 3 sm. 25 sd.; Angle, 1 sm.; France, 1 sm. 75 sd.; Germane, 2 sm.; Dane, 2 sm.; Itale, 1 sm. 50 sd.; Pole, 1 sm. 50 sd.).

LA APOKALIPSO MALKAŜATA, en kiu estas malkaŝataj la misteroj tie antaŭdiritaj.
(Latine, 2 vol., 6 sm. 50 sd.; Angle, 1 sm. 25 sd.; France, 3 vol., 4 sm. 50 sd.; Germane, 2 vol., 4 sm. 50 sd.).

LA ĜOJOJ DE LA SAĜO RILATE AL EDZECA AMO; laŭ kio sekvas la ĝojaĉoj de la malsaĝo rilate al malĉasta amo.
(Latine, 3 sm. 25 sd.; Angle, 1 sm. 25 sd.; France, 2 vol., 3 sm.; Germane, 3 sm.; Svede, 2 sm.).

MALLONGA ELMONTRO PRI LA DOGMARO DE LA NOVA EKLEZIO, signifata per la Nova Jerusalemo ĉe la Apokalipso.
(Latine, 50 sd.; Angle, 50 sd.: France, 40 sd.; Germane, 1 sm.; Dane, 75 sd.; Itale, 50 sd.).

LA INTERRILATOJ INTER LA ANIMO KAJ LA KORPO.
(Latine, 50 sd.; Angle, 40 sd.; France, 40 sd.; Germane, 50 sd.; Itale, 25 sd.).

LA VERA KRISTANA RELIGIO; aŭ la Universala Teologio pri la Nova Eklezio.
(Latine, 2 vol., 6 sm. 50 sd.; Angle, 1 sm. 25 sd.; France, 2 vol., 4 sm.; Germane, 4 sm. 25 sd.; Svede, 6 sm.; Itale, 2 vol., 5 sm.).

RESUMO DE LA TEOLOGIAJ VERKOJ DE EMANUEL SWEDENBORG, kun portreto kaj biografia antaŭparolo.
(Angle, 1 sm. 25 sd.; Germane, 4 sm. 50 sd.).

EMANUEL SWEDENBORG; LIA VIVO, INSTRUADO KAJ INFLUO, de GEORGE TROBRIDGE.
(Nur Angle, 25 sd.; pligrandigita ilustrita eldono, 1 sm. 75 sd.).

1 spesmilo (sm.) = 10 spesdekoj (sd.) = 2 shillings = 2f. 50c. = 2m. = 1 rub. = 1fl. 20 = 48 cents.

---

*LONDON*: THE SWEDENBORG SOCIETY, 1 BLOOMSBURY STREET.